Xª jaro. Nº 148 (12) ☆ Duonmonata ☆ 5 Julio 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La oceanaj transportoj

En sia fama verko *La homara geografio*, P-ro Jean Brunhes opinias, ke la ĝenerala geografio de la transportoj estas la plej vaste kaj bone traktita; ĝi estas, por tiel diri, la nodo de la tiel nomata ekonomia geografio.

Ekonomia geografio kaj homara geografio estas du esprimoj kaj du realaĵoj, kiuj ne ekzakte koincidas. La ekonomia geografio estas samtempe pli kaj malpli ol la homa geografio. Efektive, la homara geografio ampleksas homajn faktojn, kiuj estas ekster la ekonomia kampo; aliparte la ekonomia geografio preterpasas la precizajn limojn de la homara geografio kaj ampleksas faktojn pure ekonomiajn kaj administrajn, eĉ statistikajn.

Gvidate de tiuj difinoj, ni do studos la specialan demandon pri la mara transportado, flanklasante la militŝiparojn.

* * *

Laŭ Max Eckert la komerca tutmonda ŝiparo en 1903 kalkulis 46.000 ŝipojn de ĉirkaŭ 25 milionoj de toneloj[1]. El tiuj ŝipoj 44.000 (inter kiuj 17.000 vaporŝipoj) kaj 24 milion toneloj apartenis al Atlantiko aŭ al ĝiaj dependaĵoj. De dudek-kvin jaroj la ŝipoj kaj la havenoj trapasas krizon de kreskado, kiu preterlasas la plej maltimajn antaŭvidojn kaj malebligas ĉian kalkulon. Tio estas precipe vera se ni konsideras la regulajn vaporliniojn, kiujn S-ro Russel Smith, profesoro ĉe la Pensilvania Universitato (Filadelfio) dividas laŭ kvar grupoj:

[1] Tonelo estas volumena mezuro de ĉirkaŭ 3 m³; por certigi la flosadon en bonaj kondiĉoj, ŝipo akceptas kiel transportaĵon 2 tunojn de pezo po unu tonelo.

1. La rapidaj pasaĝerlinioj, la plej konataj de la publiko; ili prenas transportaĵojn nur en esceptaj okazoj. La supereco aŭ almenaŭ la reguleco de la rapideco estas la unua kaj preskaŭ sola priokupo. Por tiuj linioj plej grava estas norda Atlantiko, vera monda interligilo. Por ĝi oni konstruis tiujn ŝipegojn, provizitajn per la tuta materialo necesa por la praktika, intelekta, sporta kaj socia vivo. Interese estas noti la sinsekvajn rekordojn por la trapasado de la Kanalo (Manche) ĝis Nov-Jorko aŭ inverse, de 1879 ĝis 1908:

| | | |
|---|---|---|
| 1879 | Arizona, | 7 tagoj 8 horoj; |
| 1882 | Alaska, | 6 tagoj 22 horoj; |
| 1896 | Saint-Paul, | 6 tagoj; |
| 1903 | Deutschland | 5 tagoj 8 horoj; |
| 1907 | Lusitania, | 4 tagoj 20 horoj; |
| 1908 | Lusitania, | 4 tagoj 17 horoj. |

2. La transportlinioj, malpli rapidaj sed malpli karaj; ili transportas produktojn de meza valoro, kiel kupron, farunojn, kampomaŝinojn, tabakojn, k. t. p. Tiuj linioj foriras de ĉiuj ĉefaj havenoj kaj de ĉiuj mezgravaj, kies situacio ne estas speciale oportuna por la pasaĝertransporto.

3. La vaporŝipaj linioj, kiuj servas kiel kontinuaĵo de la fervojoj. Tie, kie la fervojo finiĝas je haveno, de kie foriras multaj ŝiplinioj, kiel ekz. Nov-Jorko, tiaj linioj ne estas necesaj. Fakte, Nov-Jorko havas nenian transatlantikan linion, kiu estus kontinuaĵo de la fervojo, dum Filadelfio, Newport-News, Pensacola, Portland, Boston, havas tiajn liniojn. Ĉe la Pacifika bordo, ĉiuj finpunktoj de la fervojoj havas transoceanajn kontinuaĵojn. La plej bona ekzemplo de tia kombinaĵo de ŝip- kaj fervoj-linioj estas la *Canadian Pacific*, kiu ekspluatas liniojn al Granda Britujo, linion al la Grandaj Lagoj kaj ŝiplinion de Vancouver al Japanujo, kaj linion al Ĥinujo, krom riveraj vaporŝipoj kaj vaporpramoj.

4. La privataj aŭ industriaj ŝiplinioj difinitaj por la transportado de unu sola produkto; ili postulas la uzon de specialtipa ŝipo. Tiaj estas la ŝipoj, kiuj sur la Grandaj Lagoj de Nord-Ameriko transportas minaĵon por la ŝtaltrusto kaj provizas la fornegojn dissemitajn inter Chicago kaj Buffalo.

Pli trafa ekzemplo estas la importkomerco de la bananoj, ekspluatata de potenca trusto, la *United fruit Co.* La ekspluatado de la petrolo, de la lignoj, de la kalko kaj de la ŝtono same kaŭzis la kreon de privataj linioj.

* * *

Ekzamenante la markomunikojn oni tendencas doni troan gravecon al la regulaj ŝiplinioj. Fakte la tre altaj elspezoj por la movado kaj la reklamo neebligas, ke nur la regulaj ŝiplinioj ekonomie provizu la mondon per nutrajoj kaj krudaj materialoj. Tiu tasko estas la propra kampo de multegaj izolaj, vagantaj, sendependaj ŝipoj, nomataj *tramps* (vaguloj), kiuj pri la transporto de la negocajoj grave konkurencas la regulajn liniojn.

La plivastiĝo de la *tramps* havas kiel principon la sekvantajn faktojn: la plej granda parto de la monda transportajaro devenas el tre multaj malgrandaj havenoj preskaŭ nekonataj, eĉ de la geografoj. Multaj el tiuj malgrandaj havenoj havas tre specialan rolon: aŭ ili ekspedas, sed ricevas nenion, aŭ — kio estas pli malofta — ili nur importas, sed ne eksportas; tiuj havenoj sin okupas pri la transportado nur al unu direkto kaj nur por unu aŭ du artikloj, ordinare krudaj materialoj ekspedataj po grandegaj kvantoj. Ekzemple, Galveston (Texas) eksportas per la maro dudekoble pli ol ĝi ricevas; tiuj transportoj konsistas nur el kotono kaj tritiko. Brunswick (Georgia) kaj Humbolt Bay (California) eksportas grandajn kvantojn de konstruligno; Tampa (Florida), kiel Sfax en Tunizio, eksportas nur fosfatojn; Santiago de Cuba, kiel Bilbao en Hispanujo, eksportas ĉiujare centmilojn da tunoj de ferminajo. La havenoj de la Meksika Golfo eksportantaj konstrulignon havas korespondantan havenon ĉe la Balta maro; la havenoj de okcidenta Indio vivantaj per ferminajo rilatas kun samspecaj havenoj en Mediteraneo.

Aliflanke, la transportado de multaj produktoj dependas de la rikoltsezonoj, tre malsamaj laŭ la regionoj: la tritiko de Galveston eksportiĝas antaŭ la tritiko de Montreal; la sezono ankoraŭ diferencas rilate al Arĝentino, Kalifornio kaj Indio; la sukero de Hawai-insuloj surŝipiĝas je alia epoko ol la sukero de Java. La sodonitratoj de Ĉilio estas postulataj precipe dum printempo, kiam oni semas en la norda duonsfero.

Fine, iaj produktajoj postulas precipe tre malkaran transportadon kaj estas indiferentaj pri la rapideco de la irado kaj pri la reguleco de la livero, ekzemple la ferminajo, la petrolo, la ligno, la karbo, eĉ la tritiko kaj la rizo; ili havas profiton uzi la *tramps*, kiuj laŭ siaj bezonoj kaj la necesajoj de iliaj vojaĝoj povas konsenti tre malaltajn tarifojn.

La *tramp* estas konstruata en aparta maniero. Ĝi estas relative malmulte profunda (ofte malpli ol 6 metrojn), tiel ke ĝi povu eniri kiel eble plej multajn havenojn; la fundo de la ŝipo, tiel ebena kiel planko, estas provizumata per flankaj kiloj por eviti la troajn balanciĝojn; ilia enhaveco superas je triono tiun de samdimensia ŝipo apartenanta al regula linio. La rapideco, tre precize kalkulita por starigi ĝustan ekvilibron inter la elspezata karbo kaj la ekonomia gajno de la ŝipo, atingas ĝenerale 10 mejlojn (18 klm.) hore. La *tramp* estas libera iri de haveno al haveno, de maro al maro, laŭ la cirkonstancoj. Malfacila estas la ĝusta dispartigo de ĝiaj servoj pro tiu ĉefgrava geografia cirkonstanco, ke sur difinita vojo la movado de la komercajoj estas tre malegala je la iro kaj je la reveno. Tra norda Atlantiko transportiĝas trioble pli multe orienten ol okcidenten. Sud-Afriko, Brazilujo, Ĥinujo importas multe pli ol ili eksportas. Kontraŭe Arĝentino, Hindujo kaj la havenoj de la Nigra Maro tre multe forsendas kaj malmulte ricevas. Tial, por iri de regiono al alia la vaporŝipoj estas ofte devigataj vojaĝi sen transportajo. Tiu fakto kaŭzas la gravecon de l'karbo, kiel transportajo; ĝi plenumas la rolon de balasto. La pli granda parto de la karbo vojaĝanta sur Atlantiko estas transportata ne kiel gajniga ŝarĝo, sed kiel balasto, kiu ne pagas la realan koston de la vojaĝo; oni juĝas, ke tamen estas pli bone transporti ĝin ol akvon aŭ sablon. Oni komprenas, kian lokon en la markomerco okupas la 65 milionoj da tunoj de karbo, kiujn ĉiujare eksportas la anglaj havenoj. Tiun britan eksportkarbon tre deziras la miloj de vagantaj vel- aŭ vaporŝipoj, kiuj ĉiujare alportas la grandegajn kvantojn de tritiko, kotono, ligno, rizo, uzatajn de brita popolo por la nutrado aŭ la industrio. Pro tiu sama neceseco, Japanujo kaj Aŭstralio, kiuj produktas relative malmulte da karbo, ĝin eksportas en sufiĉe grandaj kvantoj kaj ĝin dissendas al vastaj teritorioj. Fine, lasta karakterizo de la *tramps*-trafiko estas la senlima konkurenco, kies precipa rezultato estas la senĉese kreskanta malkariĝo de la martransportoj.

* * *

La havenoj estas kiel vestajoj; ili ne devas helpi aŭ malhelpi la kreskadon; ili devas adaptiĝi al ĝi. La tuta historio montras al ni, kiel severan aplikon de tiu leĝo, laŭgradan malmultiĝon de la grandaj uzeblaj havenoj, de la veraj lokoj de ekonomia radiado. Kompare kun la grandega nuna marmovado kaj la multegaj ŝipoj, ekzistas nuntempe malpli da havenoj ol antaŭe; pli malfrue estos malpli ol nun. Timinda estonteco por la nacioj, kiuj posedas nur multajn mezbonajn havenojn, sed tiu estonteco rezultas el neevitebla neceseco, materia kaj geografia. Ju pli perfektiĝas la procedoj de la teknika konstruado, des pli grandaj fariĝas la martransportiloj. Ju pli kolosaj estas tiuj martransportiloj, des pli malgrandaj ŝajnas la havenoj, kiuj ne transformiĝas.

Fine, oni tro multe tendencas konsideri la ŝipliniojn kiel liniojn, dum ilia natura tendenco estas formi vojarojn, kiel la fervojoj. La kompanio *Hamburg-Amerika* prezentas la tipon de tutmonda servo. Ĝia retoj ĉirkaŭligas Amerikon; 68 linioj estas inter Yucatan kaj Montreal; ĝi lastatempe aĉetis la kompanion *Cosmos*, kiu servas kvindekon da Sud- kaj Nord-Amerikaj havenoj, de Punta-Arenas (Ĉilio) ĝis brita Kolombio. Eŭropo kaj Orienta Azio havas ankaŭ multnombrajn liniojn. La *Hamburg-Amerika* ĵus organizis servon inter Hong-Kong kaj Manzanillo, kie estos la finpunkto de nova transkontinenta amerika linio nun en konstruado tra Meksikujo, la *Kansas City, Orient kaj Pacific*. Tiel, kiam la komerca movado estas malbona en iu regiono, la efikoj de la deficito estas kompensataj de pli bonaj rezultatoj aliloke.

Se oni studas la malnovan kaj mirindan historion de la Hansa Ligo, oni konstatas, ke ne ĉiam estis severa korespondeco inter la bruta materia statistiko de iu haveno kaj ĝia historia kaj geografia signifo. Sed ju pli ni iras antaŭen, des pli la nombraj esprimoj de la bruta ŝipenhaveco fariĝas markoj kaj kvazaŭ standardo de la ekonomiaj aŭ eĉ de la politikaj venkoj.

D-ro *J. Jacot-Guillarmod*
Trad.[1] *A. R.*

[1] El *Gazette de Lausanne.*





# SOCIA VIVO



## El Nova Zelando

II

La Hawke's Bay distrikto estas la plej bona en Nova Zelando por fruktoj, ĉar ĝia klimato estas la plej dolĉa en la lando. Ĝi speciale taŭgas por persikoj; kaj tiajn persikojn (grandajn kiel pomoj) mi neniam antaŭe vidis. Mi pensis, ke antaŭe mi manĝis bonegajn persikojn, sed ili estis nenio flanke de vera Hawke's-Bay-a persiko; mi opinias, ke tiuj persikoj ne povas esti superataj ie en la mondo!

Tiu distrikto havas grandan loĝantaron de Maŭrioj (indiĝenoj) kaj kelkaj el ili estas tre riĉaj. Ili estas ruzaj kiel serpentoj je kelkaj aferoj, sed je aliaj simplaj kiel infanoj. Mi aŭdis pri unu Maurio, kiu vendis pecon da tero por 6.000 Sm. kaj tuj elspezis la tutan sumon je aŭtomobilo, kiun li devis vendi post nur du semajnoj, ĉar li ne havis pli da mono por pagi riparojn k. c. Sabaton vespere la Maŭrioj venas en la urbon el la ĉirkaŭanta kamparo kaj elspezas sian monon — vi povas vidi ilin ĉie sur la ĉefa strato, sidantajn kiel muŝoj sur la trotuaro, sur publikaj benkoj kaj sur la ŝtupoj de butikoj.

De Hawke's Bay mi revenis Aŭklandon per ŝipo el Napier; estis belega vojaĝo en lukse konstruita boato, kiu iras de Dunedin (Suda Insulo) ĝis Aŭkland kaj poste al Sidney (Aŭstralio).

Nun mi estas lokita dum kelkaj semajnoj en la bona Waikato distrikto, ne malproksime de Hamilton, kreskanta urbeto sur la ĉefa linio de fervojoj. Tiu ĉi distrikto estas kontraŭ tiu de Hawke's Bay preskaŭ sur la alia marbordo, kaj estas tre fama pro siaj bovinoj, ĉevaloj kaj la fabrikado de butero k. c. Ĝi prenas sian nomon de la Waikato rivero, kiu fluas tra ĝia longo, kaj kiu estas la plej longa rivero de Nova Zelando. La lando tie ĉi estas multe pli malebena ol en Hawke's Bay, kaj havas pli da pluvo.

Tie ĉi mi deĵoras kiel lernejestro kaj estas komisiita por la edukado de 17 gelernantoj, de infanoj ĝis la 5-a klaso (la 6-a estas la plej alta en la unuagradaj lernejoj). Kelkaj iras lernejon piede, kelkaj sur ĉevaloj (du-tri sur la sama ĉevalo), kaj aliaj rajdas en la lakton portantaj veturiloj. La vojo (?) similas plugitan kampon, sed estas pli malbona.

Mia sperto, ĝis nun, estas, ke ekzistas abundeco da laboro de ĉiu speco en Nova Zelando, almenaŭ dum la somero; sed la nove alveninto ne restu en iu el la grandaj urboj, ĉar ili ĉiam estas la restejo de granda plimulto de enmigrintoj. La laboro troviĝas en la malgrandaj kaj kreskantaj urboj, kaj en la kamparo. En preskaŭ ĉiuj fakoj de laboro oni povas gajni almenaŭ 4 Sm. ĉiutage. Por la rikolto de fruktoj kaj simila laboro oni kutime pagas al laborantoj 36 Sd. ĝis 50 Sd. ĉiuhore, laŭ kapableco. Memoru ke Nova Zelando estas la Laborista Paradizo de la mondo, kaj tie ĉi la laboristoj havas pli da potenco ol en aliaj landoj; ili regas ĉion, farante aŭ malfarante imperiojn — aŭ tion pensas. La veturigistoj kaj kondukistoj de la elektraj tramoj en Aŭckland gajnas de 30 Sm. ĝis 40 Sm. ĉiusemajne. La tramoj apartenas al angla kompanio; ili estis la unuaj elektraj tramoj en la Norda Insulo, kaj estas la solaj en Nova Zelando pagantaj dividendojn. La ordinaraj instruistoj tie ĉi ricevas minimuman salajron de 900 ĝis 1000 Sm. jare, kaj lernejestroj ricevas ordinare de 1200 ĝis 2000 Sm. aŭ 3000 Sm. jare laŭ tio, ĉu ili estras sole malgrandan kamparan lernejon aŭ pli grandan apud-urban lernejon kun 2 ĝis 3 aŭ pli da instruistoj.

La kosto de l'vivado tie ĉi ne estas tiel granda kiel oni ofte supozas. Domoj kaj vestaĵoj kostas multe pli ol en Eŭropo, sed la prezoj de aliaj aferoj ne tre superas tiujn de la pli malnovaj landoj. Tie ĉi oni pagas ordinare por kompleto 50 Sm. ĝis 60 Sm., kaj por loĝejo kun ĉiuj manĝoj kaj lavado de vestoj (sed ne kolumoj kaj manumoj) en la kamparo de 7 ĝis 8 Sm. ĉiusemajne, kaj en la urboj de 9 ĝis 11 Sm.

*J. Arnold Hodges* (Auckland).

## La dudekkvar-hora tempdivido

IV

Pri tiu temo ni ankoraŭ ricevis la du jenajn leterojn.

Antaŭ kelkaj monatoj la Svisa Federala Konsilantaro demandis la germanan kaj aŭstrian registarojn, ĉu ili estus pretaj enkonduki en siaj poŝtaj kaj fervojaj entreprenoj la 24-horan tempdividon, same kiel agis kun bona sukceso la registaroj en Belgujo, Francujo, Italujo, Hispanujo kaj Portugalujo. Ĉar multaj svisaj vojaĝantoj, komercaj ĉambroj k. t. p. estis petintaj tiun tempdividon la registaro estis sufiĉe favora al la propono; ĝi nur dependigis sian respondon de la sintenado de Germanujo kaj Aŭstrio, du plej gravaj najbarlandoj de Svisujo, kun kiuj ĝi havas multajn rilatojn. Laŭ informo de la *Frankfurter Zeitung* la germana registaro „ne vidas profiton en la transformo de la ĝisnuna 12-hora tempdivido al la 24-hora. La ŝanĝo estas tiom pli ne necesa, ke la ĝisnunaj rilatoj kun la 24-horaj francaj kaj belgaj fervojoj funkciis kontentige malgraŭ la diverseco de la sistemo. Aliflanke okazus gravaj malagrablaĵoj al la publiko, kiu kutimiĝis al la 12-hora divido, malagrablaĵoj speciale grave sentotaj de la malpli instruita parto de la loĝantaro.“ Tiu kortuŝanta zorgo pri la malpli instruita parto de la popolo meritas atenton; ĝis nun oni ja kredis, ke la instruado devas sekvi la progreson, kaj ne ke la progreso devas atendi, ĝis kiam la lasta loĝanto estas sufiĉe instruita por ĝin kompreni. Ni bedaŭras tiun decidon tiel rilate al ĝia objekto kiel pro la inteligenta germana loĝantaro, kiu de sia propra registaro estas laŭŝajne prijuĝata kiel malpli facile komprenema ol tiu de la cititaj aliaj landoj.

*K. Z.*

* * *

La tre interesa artikolo de S-ro Tressel pri *La dudekkvar-hora tempdivido* min rememorigas pri mia malnova verketo, aperinta antaŭ dudek jaroj (1893), en kiu mi jam rekomendis dividi la tagon laŭ la plej perfekta kaj plej facile uzebla *decimala* nombrosistemo. Memkompreneble mi tute aprobas la konkludon de S-ro Tressel.

Laŭ mia propono la tuta tago estus dividata je 10 horoj, kaj ĉiu horo je 10 dekonhoroj, 100 centonhoroj, 1000 milonhoroj kaj 10,000 miriadonhoroj (aŭ „momentoj“).

Laŭ la nuna tempdivido 1 tago egalas 24 horojn = 96 kvaronhorojn = 1440 minutojn kaj 86,400 sekundojn. Do 1 decimala horo = 2 nunajn horojn kaj 24 minutojn, 1 decimala dekonhoro = 14.4 nunajn minutojn, (proksimume = 1 kvaronhoro); 1 miriadonhoro („momento“) = 0.864 sekundojn (proksimume = 1 sekundo).

La decimalaj koincidas jene kun la nunaj horoj:

| Decimaloj | Nunaj horoj | | Decimaloj | Nunaj horoj | |
|---|---|---|---|---|---|
| 0 = 10 h | 12 h. | noktomeze | 5 h. | 12 h. | tagmeze |
| 1 h. . . . . | 2 h. 24 | — | 6 h. | 2 h. 24 | — |
| 2 h. . . . . | 4 h. 48 | — | 7 h. | 4 h. 48 | — |
| 3 h. . . . . | 7 h. 12 | — | 8 h. | 7 h. 12 | — |
| 4 h. . . . . | 9 h. 36 | — | 9 h. | 9 h. 36 | — |

Kompreneble laŭ ĉi tiu decimala tempokalkulado oni kalkulus la tempon ne per horoj kaj kvaronhoroj aŭ minutoj, sed sole per horoj, ekz.: Mi vizitos mian amikon je la kvara kaj 95. El la teatro mi hejmen iris je la 9-a kaj 24 k. t. p. Tiu ĉi decimala tempodivido estas tre preferinda tiel por la

scienca, kiel por la praktika uzo en la ĉiutaga vivo, kaj ankaŭ el teknika vidpunkto ĝi estas tre facile efektivigebla per la horloĝfabrikistoj.

Sed ĝi estas tre preferinda kaj utila ankaŭ el pedagogia vidpunkto. Ĉiuj pedagogoj ja tre bone scias, ke la atento de la lernantoj tute laciĝas dum la lernado post tri kvaronhoroj. Nu, laŭ la decimala tempodivido unu instruhoro daŭrus nur tri dekonhorojn (43.2 minutoj), kaj post ĉiu instruhoro la lernantoj ricevus 1 dekonhoron (14.4 minutojn) da libertempo kaj tiele ilia atento neniam laciĝus, kaj la instruado estus multe pli profithava kaj utiligebla por la lernantoj. Tiel mi denove proponas kaj tre varme rekomendas la decimalan tempodividon de l'tago al ĉiuj, de kiuj dependas la efektivigo de ĉi tiu radikala sed utila reformo de la tempokalkulado.

Ĉu ne estus eble kunligi ĉi tiun demandon kun la reformo de la Kalendaro? *Török Péter* (Del. Debreczen).

## Kelkaj karakterizoj de la Bulgaroj

Bulgarujo estas proksimume egalspaca (96,000 km²) je Rumanujo kaj duoble pli granda ol Serbujo. Ĝia loĝantaro konsistas el 4 milionoj da bulgaroj kaj ĉirkaŭ 500,000 turkoj, kiuj-ŝajna strangaĵo loĝas plejparte apud la norda limo de l'ŝtato. La lando estas terkultura, iom malpli fruktodona ol Serbujo, sed ĝiaj naturriĉaĵoj estas pli bone ekspluatataj. Fabrikindustrio estas ankoraŭ en stato de komenciĝo, sed ĝi rapide disvolviĝas. Ĉe la fino de 1910 Bulgarujo enhavis 261 diversajn privatajn kaj 6 ŝtatajn fabrikejojn, kun 16,750 laboristoj kaj kun 66½ milionoj fr. da fonda kapitalo, el kiuj nur 14,649,000 fr. de la eksterlando. Ĉi tiu malgrandeco de eksterlanda kapitalo bone atestas la entreprenemon de bulgaroj; ĝi parte dependas de la protektanta leĝo, eldonita en 1905 kaj 1907, kiu devigas ĉiujn fabrikejojn uzi, post 3 jaroj da ekzistado, senescepte enlandajn laboristojn. Krom tio, la koncesioj por ekspluatado de min-riĉaĵoj estas sufiĉe severaj, kaj oni donas ilin ĉiam nur por unu minaĵo; sekve en la sama loko povas ekzisti du aŭ pli koncesioj, proporcie al diversspeco de minaĵoj, kaj ĉi tiu sistemo malinklinas gravajn entreprenistojn. Nun, post pliampleksiĝo de l'ŝtato, oni devos neniigi ĉi tiun malhelpon por fremda kapitalo.

Krom terkulturado kaj du ĝiaj specialaj branĉoj: kulturado de morusarboj kaj de rozarbustoj — por rozoleo — Bulgarujo enhavas grandajn belajn arbarojn kaj multon da brutoj. La Bulgara popolo estas la miksaĵo de aziaj finnogentaj konkerintoj kaj de slavoj, de kiuj la unuaj alprenis la lingvon kaj morojn. Nur la Bulgaroj opinias sin slavoj. Tamen la malsameco de deveno iĝas videbla tuj, kiam oni komparas la tipojn bulgaran kaj serban. Bulgaroj havas aspekton de montaranoj, la tipon iom pezan, la kapon kvadratan, la okulojn malgrandajn kaj interproksimigitajn, la vangostojn elstarantajn, la tutan eksteraĵon iom krudan. Mankas al ili la hereda bonmaniereco, kiun posedas serboj; tamen en pli altaj sociaj sferoj oni renkontas homojn eĉ alte kulturajn. Bulgaroj ne posedas revemecon, molecon kaj poeziemecon, kiuj karakterizas la slavojn, sed anstataŭe ili estas rimarkinde praktikaj, laboremaj, ŝparemaj, kapablaj je facila sinorientado kaj organizado. Ĉi tiuj ecoj donas al Bulgara nacio grandan forton kaj komprenigas ĝian rapidan ekonomian progreson.

Jen la ekzemplo de Bulgara praktikeco: En Bulgarujo ne ekzistas grandaj bienoj, la tero estas dispartigita je tiel malgrandaj bienetoj, ke por ili neeble estas havi proprajn multekostajn ilarojn. La Bulgaroj do asociiĝas kaj kolektive havigas al si plej modernajn ilojn, per kiuj ili rondire kulturas siajn kampojn, aŭ la kamparanoj kolektivigas siajn kampojn, laboras komune kaj disdonas inter si la profiton. En unu el distriktoj la asociiĝintaj kamparanoj aĉetis en 1910: 706 motorplugilojn, 13 erpilojn, 129 falĉmaŝinojn, 15 vapordraŝilojn kaj 75 maŝinojn por purigado de grenoj.

Oni devas diri, ke la registaro pene helpas iliajn iniciatojn per malkara bonege organizita por ili kredito kaj ankaŭ aranĝinte en la tuta lando multajn „modelajn mastrumejojn". Ne malpli interesa estas la maniero, laŭ kiu la registaro progresigas la kulturadon de ĉevaloj por la armeo. Dum la paco oni disdonas armeajn ĉevalojn al kamparanoj, kiuj uzadas ilin senpage; ili devas nur ilin nutri kaj zorgi. Post kvin jaroj la ĉevalo, ankaŭ senpage, fariĝas propraĵo de l'kamparano, sed, se antaŭ 5 jaroj la ĉevalo mortis aŭ kripliĝis, la kamparano pagas al la ŝtato ĝian prezon, laŭ la nuna takso 500 fr. Tiamaniere la ŝtato posedas provizejon de ĉevaloj, por kies konservado ĝi elspezas nenion; la kamparanoj ricevas sen elspezo fortajn, taŭgajn laborĉevalojn kaj devige alkutimiĝas bone ilin nutri kaj zorgi. Ni rimarkigu, ke la kamparanoj plej volonte elektas ĉevalinojn, kiuj, krom laboro, restigas al ili siajn idojn.

Per siaj praktikaj ecoj la Bulgaroj superas ceterajn balkanajn popolojn kaj kredeble ludos en estonteco ĉefan rolon sur la duoninsulo. Ili, same kiel serboj kaj montenegranoj apartenas al la ortodoksa Eklezio kaj estas religiemaj simile al ĉiuj popoloj premegataj de alireligianoj, ĉar tiuokaze la religio fariĝas simbolo de nacieco. Sed ili ne estas fanatikuloj kaj ekster ritoceremonioj la pastro por ili valoras ne pli ol ĉiu alia kamparano. Entute ili estas sinceraj toleremuloj, kaj inter ili ekzistas neniaj religiaj demandoj, neniaj malpacoj.

La Bulgara lingvo estas tre simila al la Serba, kaj ambaŭ ĉi tiuj popoloj bonege komprenas sin reciproke. La ortografio de ambaŭ estas preskaŭ la sama kaj ili ambaŭ uzas la rusan alfabeton, escepte kelke da literoj.

Trad.[1] *J. Chankowski* (Subdel. Novo-Minsk).

## Notoj pri Svisujo

Dum tiu ĉi jaro, pro la Bernaj Kongresoj, multaj el niaj samideanoj vizitos Svisujon. Ŝajnis do al ni utile per tiuj tre koncizaj notoj konigi al niaj legantoj Svisujon sub ĝiaj diversaj aspektoj, ĉar ni ofte konstatis, ke fremduloj havas pri ĝi informojn malprecizajn kaj neklarajn. Oni bonvolu konsideri tiujn liniojn nur kiel *notojn*, kiuj celas prezenti nuran resumon pri la historio, la politika stato kaj la ekonomia vivo de Svisujo.

* * *

*I. Historio.* — La teritorio nun nomata Svisujo ne havis memstaran ekziston antaŭ 1291. La Helvetoj ĝin unue okupis, poste la Romanoj, kiujn sekvis la Alemanoj, la Burgundoj kaj la Frankoj. Post la anarkio, kiu metis finon je la imperio de Karlo la Granda, la tiama Helvetio estis parto de la vasta Germana Imperio. Tie estis la lulilo de la potenca familio Habsburg, kiu baldaŭ kun siaj vasaloj estris la pli grandan parton de la lando. Flanke de ĝi restis kelkaj urboj senpere dependantaj de la Imperio kaj akirintaj relativan memstarecon. Ĉe la centro de Helvetio, borde de la Lucerna Lago, vivis tri malgrandaj popoloj el malriĉaj montanoj (Uri, Schwyz, Unterwalden), kune nomataj Waldstaetten, kaj ĝuantaj certan liberecon. Por defendi siajn rajtojn minacitajn de la familio Habsburg kaj konservi sian liberecon, ili unuiĝis per traktato de eterna kunligo. Tiu fakto, kiu plenumiĝis en 1291, signas la fondon de la Helvetia Konfederacio.[2] La Habsburgidoj

[1] El *„Fragmento de skizoj de inĝ. J. Lipkowski"*, 50-jara polo, voluntulo el la Bulgara armeo.

[2] La nomo Svisujo (germane *Schweiz*) venas el la kantono *Schwyz*, la ĉefa el la tri primitivaj kantonoj; saman devenon havas la svisa flago: blanka kruco sur ruĝa fondo.

provis nuligi tiun ligon kaj rekonkeri tiun landon, sed diversfoje venkite de la tieaj montanoj ili devis forlasi tiun ideon. Superinte la malamikon la nova Konfederacio plifortiĝis. Najbaraj urboj (Luzern, Bern, Zürich), kiuj ankaŭ devis suferi pro la regemo de la familio Habsburg kaj la atakoj de la ĉirkaŭantaj nobeloj, siavice aliĝis al la Konfederacio, kiu en la XIVa jarcento kalkulis ok kantonojn. En 1386 la armeoj de Habsburg estas definitive venkitaj en Sempach kaj 1386 en Naefels. Aŭstrio devis subskribi la pacon kaj akcepti la memstarecon de la Konfederacio.

Liberigite je Aŭstrio, Svisujo devis poste batali kontraŭ sia okcidenta najbaro, la potenca Duko de Burgonjo, kies brilaj armeoj estis sinsekve venkataj en Grandson, Murten (Morat) kaj Nancy. Tiu milito profitis precipe al la Reĝo de Francujo, kiu aneksis Burgonjon; la svisoj akiris nur kelkajn partojn, sed iliaj sukcesoj instigis ilin al pluaj militiroj. Ili konkeras novajn teritoriojn, partoprenas ĉe la italaj militoj kaj fine subskribas ligtraktaton kun Francujo. Multaj svisoj dungiĝas fremdlande kiel soldatoj kaj partoprenas je la plej diversaj militoj. Dume la Konfederacio pligrandiĝas. De 1513 ĝi kalkulas dek-tri memstarajn kantonojn, el kiuj kelkaj mem havas proprajn posedaĵojn. Svisujo okupas proksimume la saman spacon kiel nun, sed tre komplika estas ĝia organizo. La federala ligilo estas tre malforta, kaj la kantonoj havas preskaŭ absolutan memstarecon. Tia stato daŭris tri jarcentojn.

Dum la XVIIa jarcento Svisujo ofte suferas pro la religiaj bataloj. Kelkaj kantonoj akceptas la Reformon; aliaj restas fidelaj je la katolika kredo. En tri sinsekvaj militoj la protestantaj kaj katolikaj partioj renkontiĝas. Fine, dum la XVIIIa jarcento, relativa tolerado ekregas. Tiu jarcento estas periodo de ekonomia prospereco kaj scienca progreso, sed la moroj, antaŭe puraj kaj severaj, moliĝas; la karakteroj malfortiĝas. En la pli multaj kantonoj la registaro estas en la manoj de kelkaj nobelaj familioj (oligarkio); la kamparanoj estas regataj de la urbanoj. Rajtojn ili ne havas malgraŭ diversaj ribeloj severe punitaj. La kantonoj zorgas nur pri si mem. La Konfederacio ekzistas ankoraŭ rilate al eksterlando. Interne, ĝi estas tro malforta, tro senpova, por ion entrepreni. Tial, kiam la ondo de la liberemaj ideoj naskitaj de la franca Revolucio disvastiĝas, Svisujo cedas preskaŭ sen rezisto. En kelkaj kantonoj la popolo ribelas kontraŭ la regantaj aristokrataroj. Aliaj teritorioj emancipiĝas. En 1798 la francaj armeoj enprenetras en Svisujon por subteni tiun emancipan movadon. La kantonoj cedas. Nur Bern — la plej fortika ŝtato de la antikva Konfederacio — energie rezistas kelkan tempon, sed vane.

La francoj helpitaj de svisaj revolucianoj provis reorganizi Svisujon laŭ la modelo de la Franca Respubliko. Ili kreis Helvetian Respublikon tute centralizitan. Tiu provo, neniel taŭga por la tiama mentaleco de la popolo, tute malsukcesis. La helvetia registaro estis senpotenca kontraŭ la diversaj ribeloj kaj konspiroj. Plie, en 1800, parto de Svisujo estis la batalkampo de la fremdaj armeoj, francaj, rusaj kaj aŭstriaj (batalo apud Zürich). Granda estis la mizero kaj la malfeliĉo de la lando. Fine, por restarigi la ordon, Napoleono, kun la helpo de svisaj deputitoj kunvenintaj en Parizo, trudas novan konstitucion, kiu restarigis la federalan formon de la registaro, sed enkondukis la novajn rajtojn proklamitajn de la franca Revolucio. Sub la protektado de Napoleono Svisujo vivis sufiĉe trankvile ĝis 1814. La armeoj kontraŭnapoleonaj trapasis ĝian teritorion. Ĉe la Viena Kongreso la Eŭropaj regnoj certigis la neŭtralecon de Svisujo. Ĝenevo, Neuchâtel kaj Valais aliĝis al la Konfederacio, kiu de tiam kalkulas 22 kantonojn egalrajtajn. La periodo de 1815 ĝis 1830 estas karakterizata de politika reakcio. En pluraj kantonoj regas denove la antaŭaj aristokrataroj. Nur post 1830 la popolo emancipiĝas, ne sen perforto kaj bataloj. La oligarkio estas venkata. Novaj konstitucioj estas proklamataj, kiuj donas al la popolo precizajn rajtojn. La registaroj demokratiĝas. Sed la federala ligilo estas ankoraŭ tre malforta. Nur en 1848 la Konfederacio estis restarigata sur nova bazo. La povoj de la Konfederacio estis pligrandigataj kaj plifirmigataj. La unueco de Svisujo estis atingata. De tiam la lando vivis trankvile. La periodon de 1848 ĝis nun karakterizas senĉesaj progresoj de la demokratio, plifortigo de la Konfederacio je la politika vidpunkto, gravaj ekonomiaj kaj sociaj progresoj realigitaj senskrue laŭ normala evoluado.

*(Daŭrigota).* *H. H.*

## ❁ NOTOJ ❁

.·. **Internacia ekspozicio en Montluçon.** — Montluçon, la famekonata industria urbo de Centra Francujo, organizas internacian ekspozicion de la monato junio ĝis septembro 1912. Ĝi estos speciale scienca, industria kaj komerca; speciala fako de Belartoj estos samtempe organizata. La prefekto, la deputitoj kaj senatanoj, la Komerca Ĉambro ilin protektas kaj aprobas. Ĉar ne estas, ĝis nun, Del. de UEA en Montluçon, oni povas sin turni por informoj al S-ro Genermont, arkitekto, place de la République, en Moulins.

.·. **Balkana milito kaj internacia milit- kaj pac-muzeo en Luzern.** — Ankoraŭ antaŭ unu jaro oni parolis tute serioze pri la neebleco aŭ almenaŭ sengraveco de la proksimbatalo per bajoneto kaj glavo. Tiun antaŭjuĝon forigis la militsukcesoj de la Balkanaj Ŝtatoj, precipe de la Bulgaroj. Kelkaj bataloj de tiu milito pruvis, ke en la finbatalo la „viro kontraŭ viro“ ludas same gravan rolon kiel en la pli fruaj militoj. Tipa ekzemplo por tio estas Kirk-Kilisse (22 kaj 23 Okt. 1912). Tre instrua pentraĵo ekspozita en la internacia milit- kaj pac-muzeo en Luzern (Svisujo) prezentas scenon el tiu batalego. Ankoraŭ alia ne malpli interesa bildo altiras nian atenton: ĉiu bulgara pafisto portis kun si mallongtenilan fosilon, per kiu li, laŭbezone, kreis al si ŝirmantan remparon, nerimarkite de la malamiko. Ankaŭ tiu prezentaĵo certe trovos intereson. Post nelonge la muzeo estos pliriĉigita per pluraj valoraj kaj instruaj desegnaĵoj de la Balkana milito kaj ĝia vizito do estas tre rekomendinda.

.·. **La urbo de l'pigmeoj.** — Antaŭ kvardek jaroj amerika Irlandano Vilhelmo Nali en la ŝtato Ohio fondis apartan kolonion por pigmeoj. Vilhelmo mem estis pigmeo, devenanta el tre riĉa familio, kaj en sia juneco li ricevis bonegan edukon. Post la morto de gepatroj li ne volis resti kun granduloj, kaj li alligiĝis la cirkan trupon de l'pigmeoj en New-York. Baldaŭ tamen la sinprezentado pro mono fariĝis abomena por Vilhelmo, kaj li ekvolis deteni aliajn pigmeojn de cirka vivo; do kun ĉi tiu celo li fondis „Mains-City“ en Ohio, kiu estas nun memstara urbeto, kie loĝas nur pigmeoj. Oni kalkulas jam en ĉi tiu urbeto kvarcent pigmeojn, — plej granda el ili havas 90 centimetrojn de alteco. La tuta urbo estas konstruita laŭ pigmea proporcio; alteco de etaĝoj atingas 1½—2 metr; ĝia loĝantaro havas miniaturajn teatron, kafejon kaj hotelon, eĉ elektran fervojon kun konvena vagonaro, kaj malgrandan gazeton. La loĝantaro de l'pigmea urbeto kompletiĝadas aŭ de riĉaj pigmeoj aŭ de malriĉaj, kiuj ne volas sin prezentadi en cirkoj, kiuj povas ĉi-tie gajni panon per laboro.

La fondinto esperis kreskigi apartan pigmean popoleton, sed je lia bedaŭro edziĝoj de pigmeaj samurbanoj estas seninfanaj; sekve la loĝantaro de „Mains-City“ povas subteniĝi nur per senĉesa alfluo de pigmeoj el tuta mondo. Ĉi tiu cirkonstanco transformas urbeton je vera turo Babel koncerne lingvoj. Ĝis nun la franca lingvo estas reganta, ĉar plejparte pigmeojn donas Francujo.

Ŝajnas al mi, ke „Mains-City“ estas bonega tero por propagandi tie Esperanton, despli ke malfacila lingvo franca por malgranda kapableco de pigmeoj tute ne konvenas. Mi estas tre scivola, kion diros amerikaj samideanoj je ĉi-tiu propono. *T. Zavadzki.*

# La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

La kara virino estis malmulte dorminta la lastan nokton; kion ŝi timis, estis decidita, decidita je maniero, kiun ŝi povis nek supozi nek timi. Ŝia alitempe tiel pure kaj facile fluanta sango estis en febra tumulto, milspecaj sentoj disskuis la belan koron. Ĉu estis la fajro de la ĉirkaŭprenoj de Werther, kiun ŝi sentis en sia brusto? Ĉu estis indigno pro lia kuraĝo? Ĉu estis ĉagrena komparo de ŝia nuna stato kun tiuj tagoj de tute senpartia libera malkulpeco kaj de senzorga konfido al si mem? Kiel ŝi povus iri renkonte al sia edzo? Kiel konfesi al li scenon, kiun ŝi povus tiel bone konigi kaj kiun ŝi tamen ne kuraĝis malkaŝi? Ili tiel longe silentis pri tio, kaj ĉu ŝi devus esti la unua kiu rompus la silenton kaj ĝuste je tiel maloportuna tempo farus al sia edzo tiel neatenditan malkovron? Jam ŝi timis, ke la nura sciigo pri la vizito de Werther faros al li malagrablan impreson kaj eĉ tiu ĉi neatendita katastrofo! Ĉu eble ŝi povis esperi, ke ŝia edzo vidos ŝin en la ĝusta lumo, aŭskultos tute sen antaŭjuĝo? Kaj ĉu ŝi povis esperi, ke li legos en ŝia animo? Kaj tamen, ĉu ŝi povis imagi sin apud la viro, antaŭ kiu ŝi ĉiam staris kiel kristalhela glaso malfermita kaj libera kaj al kiu ŝi neniam kaŝis iun el siaj sentoj nek povis kaŝi? Unu kaj la alia ĉagrenis kaj embarasis ŝin; kaj ĉiam ŝiaj pensoj reiris al Werther, kiu estis perdita por ŝi, kiun ŝi ne povis lasi, kiun bedaŭrinde ŝi devis relasi kaj al kiu restos nenio, kiam li estos perdinta ŝin.

Kiel peze, kion ĉi tiu momente ŝi ne povis klarigi al si, la silentado kuŝis sur ŝi, kiu eniĝis inter ili. Tiel prudentaj, tiel bonaj viroj pro iaj sekretaj malsamajoj inter si komencis silenti, ĉiu pensis pri sia praveco kaj pri la malpraveco de la alia, kaj la cirkonstancoj tiel interplektiĝis kaj konfuziĝis, ke fariĝis neeble solvi la nodon en la kriza momento, de kiu dependis ĉio. Se feliĉa interkompreniĝo pli frue ree estus pliproksimiginta ilin, se amo kaj pardonemo alternante estus viviĝinta inter ili, nia amiko eble estus savebla.

Plue aliĝis stranga cirkonstanco. Werther, kiel ni scias per liaj leteroj, neniam malkaŝis, ke li sopiris forlasi la mondon. Alberto ofte kontraŭparolis, ankaŭ inter Ĥanjo kaj ŝia edzo kelkfoje estis parolate pri ĝi. Tiu ĉi, same kiel li sentis fortan antipation kontraŭ tia faro, ankaŭ ofte kun maniero de ofendsentemo, kiu alie tute ne estis en lia karaktero, vidigis, ke li trovas kaŭzon tre dubi pri la seriozeco de tia intenco, li eĉ kelkfoje permesis al si ioman ŝercon kaj sciigis sian malkredon al Ĥanjo. Tio unuflanke trankviligis ŝin, kiam ŝiaj pensoj prezentis al ŝi la malĝojigan bildon, sed aliflanke ŝi sentis sin per tio malhelpata komuniki al sia edzo la ĉagrenojn, kiuj turmentis ŝin en tiu ĉi momento.

Alberto venis hejmen kaj Ĥanjo iris renkonte al li kun ia embarasa rapido; li ne estis gaja; lia afero ne estis finita, li trovis la najbaran prefekton nefleksebla pedanta viro. La malbona vojo ankaŭ faris lin malbonhumora.

Li demandis, ĉu nenio okazis, kaj ŝi respondis kun trorapido, ke Werther hieraŭ vespere ĉeestis. Li demandis, ĉu venis leteroj kaj ricevis la respondon, ke kelkaj leteroj kaj paketoj estas en lia ĉambro. Li iris tien kaj Ĥanjo restis sola. La ĉeesto de la viro, kiun ŝi amis kaj estimis, faris novan impreson sur ŝian koron. La memoro pri lia grandanimeco, lia amo kaj boneco plitrankviligis ŝian animon, ŝi sentis kaŝitan emon sekvi lin, ŝi prenis sian laboron kaj iris en lian ĉambron, kiel ŝi kutimis fari pli ofte. Ŝi trovis lin okupita malfermi la leterojn kaj legi. Kelkaj ŝajnis enhavi ne la plej agrablajn aĵojn. Ŝi faris kelkajn demandojn, kiujn li respondis mallonge, kaj li ekstaris antaŭ la skribotablo por skribi.

Tiamaniere ili estis kune horon, kaj ĉiam pli mallumiĝis en la animo de Ĥanjo. Ŝi sentis, kiel malfacile estus al ŝi malkovri al sia edzo, eĉ se li estus en plej bona humoro, tion kio estis en ŝia koro; ŝi eniĝis en melankolion, kiu estis des pli timiga al ŝi, ju pli ŝi penadis kaŝi ĝin kaj la larmojn.

La veno de la servisto de Werther tre embarasis ŝin; li donis la folieton al Alberto, kiu trankvile sin turnis al sia edzino kaj diris: „Donu al li la pistolojn!“ — „Mi deziras al li feliĉan vojaĝon“ li diris al la knabo. Tio falis sur ŝin kiel tondro, ŝi hezitis ekstari, ŝi ne sciis kio okazis al ŝi. Malrapide ŝi iris al la muro, tremante deprenis la pafiletojn, forviŝis la polvon kaj estus ankoraŭ longtempe hezitinta, se Alberto ne estus instiginta ŝin per demanda rigardo. Ŝi donis la malfeliĉigan ilon al la knabo, ne povante diri parolon, kunmetis sian laboron, iris en sian ĉambron en stato de nedirebla necerteco. Ŝia koro antaŭdiris al ŝi ĉiujn terurajojn. Jen ŝi estis ĵetanta sin je la piedoj de sia edzo konfesonta ĉion, la historion de la hieraŭa vespero, sian kulpon kaj siajn antaŭsentojn; jen ŝi vidis nenian finon de la afero: plej malmulte ŝi povis esperi, ke ŝi sukcesos sendi sian edzon al Werther. La tablo estis pretigita kaj bona amikino, kiu venis nur por demandi ion, volis tuj foriri — kaj restis, faris la interparoladon dum la manĝo tolerebla; oni devigis ŝin, oni parolis, oni rakontis, oni forgesis ŝin.

La knabo venis kun la pistoloj al Werther, kiu prenis ilin de li kun ĝojego, kiam li aŭdis, ke Ĥanjo donis ilin al li. Li alportigis vinon kaj panon, ordonis al la knabo iri al la manĝo kaj eksidis por skribi.

„Ili pasis tra viaj manoj; vi forviŝis la polvon de ili, mi kisas ilin milfoje, vi tuŝis ilin: kaj vi, spirito de l'ĉielo, favoras mian decidon, kaj vi, Ĥanjo, donas al mi la ilon, vi, per kies manoj mi deziris ricevi la morton kaj ha! nun ricevos. Ho mi demandis mian knabon. Vi tremis, donante ilin, vi ne diris adiaŭon! — Ve! ve! nenian adiaŭon! — Ĉu vi fermis eble vian koron al mi pro la momento, kiu eterne min ligis al vi? Ĥanjo, neniu miljaro povas estingi la impreson! kaj mi sentas, ke vi ne povas malami tiun, kiu tiom ardas por vi.“

* * *

Post la manĝo li ordonis al la knabo, ĉion enpaki, disŝiris multajn paperojn, eliris kaj ordigis malgrandajn ŝuldojn. Li revenis hejmen, denove eliris ekster la pordegon neatentante la pluvon en la grafan ĝardenon, vagis pli malproksimen en la regiono kaj kun komencanta nokto revenis kaj skribis.

* * *

„Vilhelmo, mi vidis lastfoje kamparon kaj arbaron kaj la ĉielon. Fartu bone ankaŭ vi! Kara patrino, pardonu min! Konsolu ŝin, Vilhelmo! Dio benu vin! Miaj aferoj ĉiuj estas bonordaj. Adiaŭ! ni revidos unu la alian kaj pli ĝoje.“

* * *

„Mi malbone rekompencis vin, Alberto, kaj vi pardonos min. Mi malhelpis la pacon de via domo, mi portis malkonfidon inter vin. Adiaŭ! mi finos ĝin. Ho, ke vi estu feliĉaj per mia morto! Alberto! Alberto! faru la anĝelon feliĉa! Kaj tiel la beno de Dio estu super vi!“

*(Daŭrigota.)*

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

D-ro *Zamenhof*. — **Lingvaj respondoj** (nova serio). — Esper. Centra Oficejo. — Prezo: Sm. 0. 30.

Oni scias, ke dum tri periodoj aperis lingvaj respondoj de D-ro Zamenhof; 1a en La Esperantisto (1889—1893); 2a en la Revuo (1906—1908); 3a en Oficiala Gazeto (1911—1912). La Lingvaj respondoj de la dua periodo estas represitaj en aparta volumo (D-ro Z., Lingvaj respondoj, Paris, Hachette). La „nova serio" enhavas la respondojn de la unua kaj tria periodoj, kaj plie referencojn pri la respondoj aperintaj dum la dua. Ĉiuj respondoj estas metode ordigitaj kaj klasigitaj laŭ 19 rubrikoj, kies plej gravaj estas pri alfabeto, elparolado, akcento, vortaroj, kazoj, verboj, konjunkcio, ŝanĝoj. . . .

Neeble estas, cetere neutile, resumi tiom da trafaj klarigoj donitaj de D-ro Z. pri lingvaj demandoj dum la 25 unuaj jaroj de Esperanto. Ambaŭ libretoj devas esti kvazaŭ biblio aŭ breviero de ĉiu instruanto pri Esperanto. Sed mi deziras altiri la atenton de miaj bonvolaj legantoj sur kelkajn ideojn kaj konsilojn, kiuj, senĉese kaj diversforme reaperante kiel rekantaĵoj en multaj paĝoj de la recenzata verko, donas al tiu kolekto da lingvaj rimarkoj apartan gravecon kaj fortan unuecon.

Tiujn ideojn kaj konsilojn mi petas permeson resumi en formo de kvar sekvantaj aforismoj:

1a Ni ne enkatenigu la lingvon; ni lasu ĝin libere kaj sane disvolviĝi. (p. 18.)

„Tia konsidero estis interalie ankaŭ la kaŭzo, pro kiu mi, publikigonte mian unuan libron pri Esperanto, decidis forĵeti la tro grandan vortaron kaj tro abundan afiksaron, kiujn mi estis pretiginta teorie, kaj mi decidis publikigi vortareton nur tre malgrandan kaj nur plej necesan por la ordinara vivo, lasante ĉion alian al libera, iom-post-ioma ellaboriĝado."

2a En afero de interkonsento, kiel estas la nia, ni ne gvidu nin per gustoj personaj. (pp. 20, 29, 30.)

„Ĉu povus iam ekzisti lingvo tutmonda, se ĉiu lernanto volos ke oni ĉion ŝanĝu en ĝi laŭ lia persona gusto? . . . Ni devas antaŭ ĉio kutimi meti niajn personajn gustojn sur la lastan planon."

3a En afero internacia, kiel la nia, ni ne gvidu nin per gustoj naciaj. (p. 31.)

4a Ni fidu multe pli al la kriterio de la praktika utilo ol al la plej bela teoria logikeco. (pp. 10, 15, 32).

„Egale kiel la sekvado de gustoj personaj aŭ naciaj, — estas senfrukta kaj danĝera ankaŭ la sekvado de teoriaj principoj, se ni ne demandas nin, kian praktikan signifon ili havas. . . . Proponante aŭ enkondukante (private) ian ŝanĝon en nia lingvo, neniam gvidu vin per konsideradoj teoriaj, kiel ajn belaj ili ŝajnas, sed ĉiam demandu vin, kian praktikan signifon la ŝanĝo havas. . . . En tia afero, kiel la nia, homoj plej volonte akceptas proponojn, kiuj havas fizionomion sciencan, kaj oni parolas al la homoj en instruita formo kaj en la nomo de leĝoj sciencaj! tiam el cent personoj, 99 ĝin blinde aprobas, kaj nur unu demandas sin: Tre bele! Sed kian signifon ĝi havas por nia lingvo?"

Ŝajnis al mi, ke tiujn principojn oni ne povas tro memorigi al si kaj al la aliaj.

* * *

D-ro *Andreo Fiŝer*. — **Esperanta legolibro.** (Dua eldono.) — Tiflis, Presejo Esperanto, Elisabetstr. 17, — Prezo: Sm. 0. 30.

Kvankam ekzistis kelkaj bonaj legolibroj por niaj lernantoj, ekz. la Fundamenta Krestomatio (Zamenhof), la Kondukanto (Grabowski), la Unua Legolibro (K. Bein), Tra la Esperanta Literaturo (Giambene), tamen D-ro A. Fiŝer „kuraĝis" prezenti al la Esperantistaro ĉi tiun krestomatieton; kaj ke tiun „kuraĝon" la Esperantistoj aprobis, oni povis konkludi el la eldonado, la dua de tiu ĉi taŭga libro.

Efektive tiu krestomatio ne konkurencas la aliajn, sed ilin komplementas. La aliaj estas lingvaj, literaturaj, kaj tio estas bona; la Fiŝer'a Krestomatio estas esperantisma kaj esperantia; kaj tio estas pli bona.

La 113-paĝa libro estas dividita en du partoj. La unua (40 paĝa) enhavas aforismojn, anekdotojn, literaturaĵojn. En tiu parto min speciale interesis (p. 19) la ĉapitro „Unu el la utiloj de Esperanto", en kiu S-ro R. Sutcliff modelstile klarigas, kiom utilas la esperanta traduko de nacilingva ĉefverko por pli bone enprofundiĝi en plej delikatajn sencojn kaj nuancojn de la gepatra lingvo:

„Ni eksentas, ke ordinare ni ne ‚legadas' laŭ la plena kaj vera senco de la vorto, sed nur ‚flirtas' super la paĝoj de la libro. . . . Tiu procedo (la traduko) kaŭzas al ni duopan senton: unue senton humiligan pri nia malklereco, kaj due, post plenumo de nia tasko, senton de dankeco al la nova artefarita lingvo, kiu povas plifaciligi al ni la studadon de nia amata patra lingvo, kaj igi la juvelojn de nia literaturo pli klaraj kaj plenaj je nova signifo."

Ankaŭ mi plezure relegis la belan fablon de S-ro Th. Cart: „La Arbeto kaj la ŝirmbastonoj". Kiel la ŝirmbastonoj,

tiel, Esperantistoj, fratoj miaj, ĝoje ni unu post unu malaperos sub la ombro de l'granda verda arbo, kiu estas nia amata Esperanto!

Jes, sed kelkaj malĝoje kaj malbonkore malaperas, diskrakante kaj brufendiĝante, feliĉe sen malutilo por la jam fortikiĝinta arbeto!

La dua (73-paĝa) parto enhavas plej gravajn dokumentojn: precipe eltiraĵojn el ĉiuj malfermkongresaj paroladoj de D-ro Zamenhof, — bonegan artikolon (represitan en Lingvo Internacia de aprilo 1913) de D-ro Fiŝer pri „kio estas natura kaj kio artefarita en nuntempa Esperanto", — plie diversajn artikolojn pri UEA (ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo, p. 83), pri internacia monunuo, pri Ĉekbanko esperantista, pri Internacia Instituto, pri la fondo de la Esperantista Akademio, pri Esperanto „Lingvo vivanta" (Privat), k. t. p. Tiel la lernantoj povos legi kaj pripensi multajn altvalorajn paĝojn disajn en multaj ofte nefacilhaveblaj verkoj, revuoj kaj broŝuroj, kaj plene konatiĝi kun la „interna ideo" de Esperantismo. Kompreneble, mi tute aprobas la jenan opinion de D-ro Fiŝer:

„La lernantoj, por fariĝi veraj esperantistoj, nepre devas konatiĝi, ne nur kun la lingvo, sed ankaŭ kun la gravaj kaj grandaj celoj, kiuj entuziasmigas la plejmulton de niaj idealaj kunbatalantoj".

S-ro Fiŝer estas unu el la nuntempaj esperantistoj, kiuj plej profunde sentas Esperanton kaj Esperantismon. Jen pro kio mi varme rekomendas la Esperanta Legolibro'n al ĉiuj instruantoj kaj lernantoj de nia kara lingvo.

* * *

**Ein Fünfuhrtee,** Tendenzplauderei von Sergius Winkelmann. Ader kaj Borel, Dresden. Prezo: Sm. 0. 20.

„Ein Fünfuhrtee" estas duakta propaganda komedieto, en germana lingvo, ludebla per tri geaktoroj, unu sinjorino kaj du sinjoroj.

* * *

Esperanto poŝ-libreto. Librejo Esperanto. Moskvo (Rusl.) Tverskaja 26. — Nº 1. **La Premiito,** novelo originale verkita en Esperanto de Herschel S. Hall. Prezo: Sm. 0. 05 (24 paĝa). Nº 2. **Tra la loko ensorĉita,** novelo originale verkita en Esperanto de J. Ŝirjaev (Ivan Malfeliĉulo). Prezo: Sm. 0.03 (17 paĝa).

Feliĉe kaj esperige komenciĝas la malkara Esperanta poŝ-biblioteko. Efektive „la Premiito" kaj „Tra la loko ensorĉita" ambaŭ sin rekomendas per interesaj temoj, lerte kondukita rakonto kaj bona stilo.

„La Premiito" estas ne nur originalaĵo, sed ankaŭ tute esperantista novelo. Juna ministo kaj lia patrino ambaŭ lernas Esperanton. La junulo intencas partopreni en la literatura konkurso ĉe la venonta internacia kongreso. Bedaŭrinde li estas mortigita en la mino. La patrino finas la de sia filo komencitan ĉefverkon, sendas la kunlaboritaĵon sub la nomo de la mortinto kaj mortas mem. En la tombejo oni trovas la premiitojn! Tia estas tiu kortuŝa rakonteto, kies stilo estas senriproĉa. Per ĝi S-ro Herschel S. Hall sendube fariĝis unu el niaj plej ŝatindaj verkistoj.

En „Tra la loko ensorĉita" mi rimarkis nur la kutiman malkorektaĵon de niaj rusaj literaturistoj: por ke aranĝi la edziĝofeston (por ke ili aranĝu, por aranĝi). Vidu sur la paĝo 14: por ke ŝi ne forkuru. Ĉu iu el niaj rusaj legantoj komplezus skribi al mi (mi ne konas la rusan) kaj klarigi, kial la Rusoj emas tiun nekorektan uzmanieron de „por ke"?

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Metodoj*

*Necese estas, ke nia movado ripozu sur kelkaj firmaj principoj. Se ne, ni ĉiam ŝanceliĝos inter diversaj vojoj kaj perdos nian tempon kaj forton en plej vanaj disputoj.*

*La legantoj de* Esperanto *pardonos, se mi hodiaŭ reverkas por ili artikolon, kiun mi skribis antaŭ kelkaj jaroj en* Lingvo Internacia, *kaj altiras sur ĝin ilian tute specialan atenton.*

*Kiuj ajn estas la demandoj, la elekton ni ĉiam havas inter du metodoj:*

*La* a-prioria, *kiu estas funde la metodo de la spirita homa malhumileco, serĉas la solvon de la problemoj en la rezonado de la individua inteligenteco, en la revoj kaj konstruoj de la individua imago. Homo talenta aŭ ne, klera aŭ ne, lerta aŭ ne, proponas sian solvon kaj ĝin defendas kiel la sole bonan kaj dezirindan.*

*Tiu metodo kondukas fatale al ordo per aŭtokrateco... aŭ, se oni ribelas kontraŭ tia regado, al anarkia malordo.*

*La* a-posterioria, *kiu estas la metodo de la individua modesteco, konstatas senpartie ĉiujn elementojn de la problemoj, kontrolas ĉiujn faktojn, eltiras el ili la necesajn instruojn kaj, por estonta konduto, la utilajn konkludojn. La individuecan valoron, kiu ankaŭ estas fakto kaj forto, ĝi ne ignoras, se ne pligrandigante ĝin, ĝin ŝatas nur laŭ ĝia „objektiveco".*

*Tia metodo estas vere liberala. Al la ordo ĝi kondukas ne per silentado de la kontraŭaj voĉoj, ne per ignoro de la ĝenantaj faktoj ĉu homaj ĉu nehomaj, ne per subpremado, sed per respekto kaj harmonio inter la diversaj fortoj.*

*Neniu el ni volas la anarkion, nek en la lingvo, nek en la organizado, sed, laŭ niaj respektivaj principoj, ĝin ni serĉos eviti diversmaniere.*

*La metodo de Esperanto estas esence a-posterioria. Tia ĝi restu, se ni volas certigi la vivon de nia lingvo.*

*Efektive la problemo estas ne matematika sed biologia.*

*Eble kelkaj respondos, ke pli simple estus forĵeti ĉiujn principojn kaj ilin anstataŭigi per ia lerta politiko.*

*Sed pri tio, alian fojon!*

Th. Cart.

*PS. En mia lasta artikolo pri la blinduloj enŝoviĝis kelkaj preseraroj. Nur unu mi korektos: la nomon de S-ino* Ranfaing-Zabilon d'Her. *Kulpa estas mia malbona skribado.*

# ONI KONGRESAS

## 8ª Skota Federacia Kongreso

Ĝi kunvenis en Greenock de la 6 ĝis 9 junio kaj estis granda sukceso.[1] La 6 junio vespere granda propaganda kaj multe vizitata kunveno estis aranĝita, dum kiu parolis S-roj Kolonelo Pollen, R. Sharpe el Torquay kaj S-ro McFarlane. Inter la paroladoj famaj lokaj artistoj prezentis belajn kantojn. Sabaton matene preskaŭ 70 kongresanoj per benko-ĉaroj ĉirkaŭiris la faman Kloĥvojon kaj revenis nur tagmeze por havi agrablan tagmanĝon en la „Carlton Restoracio". Dum la posttagmezo oni rekunvenis en *Watthalo* por esti fotografita kaj ĉeesti la ĉefan federacian kunvenon. La nove elektita prezidanto estas S-ro pastro Ross el Kilmarnock; S-ro Robbie ree fariĝis sekretario. Alvenis gratulaj leteroj de D-ro Zamenhof, P-ro Cart k. t. p., kiuj estis laŭte legitaj. Dum la kunveno oni donis du premiojn por la plej lertaj tradukajoj de skotaj klasikaj verkoj. Vespere la kongresanoj sin trovis en la urbhalo, kie parolis S-ro Smith en la nomo de la ĉefurbestro, S-roj Kolonelo Pollen, pastro Beveridge kaj McFarlane. Poste okazis kunveno de la Delegitoj de UEA. Bela amuza koncerto distris la kongresanojn dum la resto de la vespero. Dimanĉe okazis esp. diservo farita de S-ro P-ro McFadyen el Glasgov. Oni diras, ke la 8ª Skota Kongreso estis la plej granda laŭ la nombro de la ĉeestintoj kaj la plej sukcesa iam okazinta en Skotlando. Kiel venontan kongresurbon oni elektis Kilmarnock. — A. B. H.

## 6ª Kongreso de la Federacio Esp. de Burgonjo kaj Jura

*Korekto.* En nia en N-ro 10 publikigita raporto oni bonvolu noti la jenan korekton: La Federacio ne decidis, ke se la plialtigo estos akceptata, ĝi eksiĝos el la S. f. p. E.; ĝi decidis, ke se la plialtigo estos akceptata, la grupoj de la Federacio estos liberaj aŭ rekte pagi la kotizon al la S. f. p. E. aŭ ĝin ne pagi.

# KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Besançon* (Franc.). — Nova grupo fondiĝis dank'al la klopodoj de S-ro L. Crèbely, Del. en Moulin Rouge. — L. C.

*Compiègne* (Franc.). — Fondiĝis klubo kun 20 membroj. L. C.

*Wellington* (Angl.) — Nova Grupo kun 50 membroj. J. B.

*Vladivostok* (Rus.). — La 1 junio oni restarigis la esp. societon „Espero". Kiel komitaton oni elektis: P.: A. D. Pagirev, S.: S. A. Ciganok, bibliotekisto: Z. N. Matvejev. La Societo aranĝas senpagajn kursojn. — A. P.

**Novaj kursoj.** — *Czernowitz* (Aŭstrio). — La 1 junio komenciĝis du kursoj gvidataj de S-ro Frosto; unu por knaboj kun 26 anoj, la alia por knabinoj kun 10 anoj. V. M.

*Letchworth* (Angl.). — Nova kurso komenciĝis por la presistoj de la firmo de Garden City Press, kiu antaŭ nelonge fariĝis Esperantia Entrepreno. Sekve de la multaj mendoj de esp. presaĵoj la presistoj mem esprimis la deziron lerni Esp. La kurso estas gvidata de S-ro A. J. Hulme. F. A. G.

[1] La enpreso de tiu raporto estas prokrastita pro manko de loko.

*Niederau* (Saks.). — S-ro K. Börner, Del., malfermis novan kurson, kiun vizitas 16 lernantoj. La lernejestro afable permesis, ke la lecionoj okazu en la lernejo. — K. B.

*Porto* (Portugal.). — Ĉe la Colegio dos Orfaos, kiu apartenas al la urbo, S-ro J. Moreira da Silva malfermis devigan esp. kurson. Dum la kunsido de la urbestraro oni decidis danki per oficiala letero al la esp. grupo pro ĝiaj neprofitemaj klopodoj. — La grupo per grandaj afiŝoj sur la muroj de la stratoj invitas al senpagaj kursoj. Tiuj afiŝoj estas donacitaj de S-ro A. José Alves, posedanto de unu el la plej gravaj presejoj. Du bonsukcesaj kursoj gvidataj de S-ro Soares dos Reis estas nun malfermitaj; krom tio okazas kursoj ĉe la urba lernejo kaj en la kristana unuiĝo sub gvidado de S-roj J. A. Proença kaj Moreira da Silva.
M. S.

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24 ĝis 31 aŭgusto 1913

La Delegitoj de UEA estas petataj traduki la jenan noton nacilingven kaj ĝin transdoni al kiel eble plej multe da naciaj gazetoj:

La *Naŭa Universala Kongreso de Esperanto* okazos en la svisa ĉefurbo *Bern* en la tempo de la 24 ĝis 31 de aŭgusto de tiu jaro. La organizado estas en bonaj manoj, kaj amase alvenas la aliĝoj de la kongresanoj el ĉiuj kontinentoj. Ĉar la kongreso havigos al siaj membroj multe da favoroj por la vizitado de la unike bela Svislando, la perlo inter la landoj de meza Eŭropo, organizos diversajn vojaĝojn k. t. p., estas tre dezirinde, ke la Esperantistoj de la tuta mondo aliĝu en plejeble granda nombro, kaj instigu ankaŭ amikojn kaj konatulojn ĉeesti la belegan feston. Ni sciigas la tutmondan Esperantistaron, ke laŭ la kongresa regularo povos ĉeesti la kongreson ĉiu persono, kiu pagis sian kotizon kaj sin submetas al la kongresa regularo. Personoj, kiuj sendas aliĝon kaj kotizon (6 Sm.) antaŭ la 15 de Julio estos enskribataj en la Oficiala Kongreslibro kaj povos disponi la pli taŭgajn ĉambrojn. Monon sendu per ĉeko aŭ transpagilo aŭ mandato al la Kantonalbank en Bern, korespondajojn al la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto en Bern, Svislando.

*Berno,* 1 julio 1913.

*La Organiza Komitato.*

### Listo de la kongresanoj (5a listo)

**Britujo.**

52. Sidney Baumont, *Huddersfield,* Upper Mount Str. 19.
53. Herbert Parker, *Burnley,* Waterborn Str. 50.
54. S-ino H. Parker, „ „
55. F-ino Minme Standen, „ Ennismore Str. 15.
56. „ Harriet Stowe, „ Westgate 127.
57. „ Marie Witham, „ Francis Str. 15.
58. „ Dora Wild, „ Brunswick Str. 27.
59. Fred Parker, „ Brougham Str. 80.
60. F-ino A. M. Munro, *Edinburgh,* Bellevue Crescent 17.
61. J. D. O'Dell, *Hailsham* (Sussex), Ersham Rd. 37.
62. S-ino F. M. O'Dell, „ „ „
63. F-ino N. Valentine, *Edinburgh,* Viewforth.
64. „ B. H. Wanless, „ Walleyfield Str. 3.
65. „ Alice Laing, „ Starthfillan Rd. 15.
66. W. Rae, „ Angle Park terrace 28.
67. J. C. Thomson, „ St. Andrew Square 42.
68. F-ino M. Williamson, „ Spottiswoodstr. 59.
69. „ M. Stewart, „ Montpellier Park 57.
70. F-ino H. Tait, *Edinburgh* Parkside Terrace 4.
71. „ C. Thomson, „ Durham Rd. 12, Portobello.
72. „ M. Thomson, „ „ „
73. „ M. S. Yuile, *Glasgow,* Cadogan Str. 49.
74. „ M. Page, „ „
75. „ H. Page, „ „
76. Ethel Grant, *Burnley,* Clew Str. 48.
77. R. Mariott, *Ashton on Mersey Anston,* Barkers Lane.
78. S-ino S. Mariott, „ „
79. R. Prys Griffiths, *Liverpool,* Benninson Driye 12.
80. T. L. Butler, *Cheltenham,* Douglas Lodge.
81. F-ino E. M. Wenn, *Norfolk,* Downham-Market, Dial House.
82. W. Chitty, *Dover,* Park Avenue.
83. S-ino S. E. Wright, *Gateshead,* Oxford Terrace 11.

**Aŭstralio.**

1. E. A. Sinotte, *Mont Albert,* Wolsley Str., Yohar.

**Francujo.**

56. P. Degon, *Douai,* rue St-Eloi 17.
57. E. Deligny, *St-Omer,* rue de Belfort 5.
58. R. Deshays, *Sens* (Yonne), rue de Charmes 13.
59. E. Isabelle, *Rouen,* rue Dinanderie 18.
60. S-ino A. Farges, *Lyon,* rue Victor-Hugo 36.
61. „ Divoy, „ rue Masséna 8.
62. F-ino Vidal, „ place de Montplaisir 3.
63. „ Ambrosini, „ rue de l'Hôtel de Ville 78.
64. Cabane, „ „
65. Giraud, *Marseille,* rue du Nil 2.
66. Herbst, *Lyon,* rue de l'hôtel-de-Ville 78.
67. E. Gabert, *Etienne,* rue Claude Delaroa 10.
68. S-ino E. Gabert, „ „
69. „ A. Conet, *Paris,* poste restante bureau centrale.
70. P. Châtelet, *Thurey,* Saône-et-Loire.
71. S-ino Châtelet, „ „
72. R. Châtelet, „ „
73. F-ino F. Bonnet, *Paris,* place d'Anvers 12.
74. L. Châtelet, *Thurey,* Saône-et-Loire.
75. E. Lemoine, *Paris,* rue de Moscou 21.
76. F-ino T. Moine, *Poisson,* Saône-et-Loire.
77. S-ino Lemoine, *Paris,* rue de Moscou 21.
78. E. Loret, *Gagny,* Seine-et-Oise, les Ifs.
79. S-ino M. Sauvage de Pin, *Douai.*
80. „ Isabelle, *Rouen,* rue Dinanderie 18.

**Germanujo.**

48. W. Kühne, *Hamburg,* Kreuzweg 21.
49. H. Mansfeld, *Merseburg a/Saale,* Wilhelmstr. 4.
50. D-ro G. Giersberg, *Freidenau-Berlin.*
51. H. Faber, *Siegburg* (Rheinland), Zeughausstr. 8.
52. F-ino I. Volkmann, *Braunschweig,* Fasanenstr. 41.
53. „ E. Howaldt, „ Helmstetterstr. 13.
54. A. Schellenberg, *Wiesbaden,* Langgasse 25 I.
55. J. Schellenberg. „ „
56. Otto Reber, *Bamberg,* Friedrichstr. 6 I.
57. E. Mankenberg, *Stettin,* Alexanderstr. 16a.
58. R. Rüegg, *Bad Kissingen,* Hotel Diana.
59. H. Fricke, *Frankfurt a/M,* Niedenau 30.
60. W. Heinze, „ Herbartstr. 2.

**Svisujo.**

77. O. Haller, *Rorschach,* Hauptstr. 65.
78. S-ino H. Meylan-Mairet, *Le Locle,* rue J.-F. Houriet 3.
79. H. Tobusch, *Zürich,* Bleicherweg 21.
80. T. Hopf, *Adelboden.*
81. E. Müller, *Zürich,* Zähringerstr. 32.
82. F-ino H. Calame, *Le Locle,* rue de France 1.

**Italujo.**

1. G. Altenstadt, *Genova,* poste restante.
2. G. de Grada, „ Salita Pallainoli 13.

**Rusujo.**

10. A. Olĥoviĉ, *Kovno*, Puŝkinskaja 43.
11. M. S. Valentinov, „ Lesnaja, dom Raĉa.
12. Dr. A. Fischer, *Tiflis*, Elisavetinskaja 77.
13. F-ino H. Ŝvarce, „ „
14. V. Koposov, *Simbirsk*.

**Aŭstrio-Hungarujo.**

9. S. Kunerth, *Meran*, Meinhardstr. 3.
10. J. Blazek, *Olomuc*, Schneeburgstr. 8.
11. J. Bocskay, *Ujlublo*, Hungarujo.
12. K. Simonis, *Trieste*, Pendice di Scorcola 633.
13. F-ino E. Simonis, „ „
14. F-ino Simonis, „ „

**Algerio.**

1. Ch. Roux, *Sidi-Bel-Abbès*, rue Delebecque 1.
2. E. Roux, „ „

**Holando.**

1. Fino H. van Griensven, *Bois-le-Duc*, Koningsweg 17.

* * *

**NOTO: Je la fino de junio estis pli ol 500 aliĝoj!**

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Esperanto kaj ekspozicioj.* — La Internacia Ekspozicio pri Maraferoj, Mara Higieno kaj Itala Elmontro Kolonia, kiu okazos en Genova de marto ĝis novembro 1914, eldonis belan Esperantan broŝuron, enhavantan la programon de la ekspozicio kaj la nomaron de la diversaj komitatoj. La dirita ekspozicio aliĝis kiel Esperantia Entrepreno kaj sendigis la Esp. broŝurojn al la Del. de UEA. Ke la servoj de nia Asocio estis kontentigaj, pruvas la jena letero adresita al S-ro D-ro Stromboli:

„Estas por mi tre agrabla tasko sciigi al vi, ke la prezida konsilantaro en sia kunsido de Merkredo 11 nuna, konstante la zorgan propagandan laboron lertan kaj utilan, kiun vi donas al nia ekspozicio per la Universala Esperanto-Asocio, montrante ankoraŭ unu fojon la taŭgecon kaj gravecon de tiu Asocio kaj de Esperanto kiel lingvo helpa internacia, voĉdonis al vi voĉdonon solenan de aplaŭdo kaj de danko."

(Subskribis P-ro *G. B. Ramoino*, vicprez. kaj, *G. Vigna dal Ferro*, ĝen. sekr.).

Por ĉiuj informoj sin turni al Ekspozicio pri Maraferoj, Via XX Settembre 34, Genova.

.˙. *UEA en Londono.* — El la monata raporto de S-ro H. A. Epstein, Ĉef-Del. en Londono, ni eltiras la jenajn ekstraktojn: Leteroj ricevitaj 118, forsenditaj 142. La nombro de la membroj kreskis ĝis 218. Estis faritaj 31 servoj el kiuj 9 por komerco, 15 por turismo kaj 7 diversaj. Jen estas ekzemploj de tipaj servoj faritaj: „Havigis por franco prezproponojn de 3 firmoj, kiuj fabrikas kaŭĉukajn kusenojn por ĉevalhufoj, sendis al ruso detalojn pri anglaj kontoj, donis al holandano detalojn pri la eldono de vojaĝantaj ĉekoj de London South Western Banko kaj Cook's, k. t. p., k. t. p.". Okaze de la brita kongreso en Eastbourne, 7 novaj Del. por diversaj partoj de Britujo estis elektitaj; specialaj klopodoj estas nun farataj por elektigi Del. en la urboj, kiuj ne ankoraŭ havas.

.˙. *Esperanto por infanĉapeloj.* — La firmo Peyraud, el St-Etienne, eldonis beletan galonon kun la vorto Esperanto por biretoj kaj ĉapeloj de infanoj. Tiu galono ekzistas ĉe ni sur fundo nigra kaj malhelblua en la tri sekvantaj larĝoj: 3 cm por biretoj de infano, 4 fr. po 12; 4 cm. por pajlĉapeloj, 4,50 fr. po 12; $4^1/_2$ cm por pajlĉapeloj, 5 fr. La ĉapeloj de infanoj estas tre taŭgaj reklamiloj, kiujn niaj samideanoj devas senhezite tuj mendi. La diritaj galonoj estas riceveblaj de la Universala Esperantia Librejo.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia* (junio). Sub titolo *Vivanta Lingvo aŭ Lingva Sistemo:*

„...Tian liberecon, kun aliaj, ni absolute bezonas, se ni volas, ke la lingvo restu facila, kaj, kio estas pli grava, ke ĝi ne fariĝu el „vivanta lingvo", en kiu la instinkto ludas sian rolon, ia „lingva sistemo", en kiu nur la rezonado regus. Kaj vere, en tio kuŝas la tuta konflikto inter kelkaj Esperantistoj. Al unuj tio, kio precipe plaĉas, estas la logikeco de la lingvo, ĝia reguleco, kiujn ili dezirus ankoraŭ pli perfektaj. Esperanton ili ŝatas pro ĝia „sistemeco" kontraŭ la ceteraj „nesistemaj", „erarplenaj" lingvoj. Aliaj Esperantistoj kontraŭe — kiuj estas nek malpli lertaj, nek malpli kleraj — opinias, ke la ĉefa merito de Esperanto, ke ĝia neduba efektiva supereco kompare kun aliaj artaj lingvoj, konsistas precize en tio, ke ĝi — vera miraklo! — sukcesis akceptigi sin kiel naturan lingvon ne sisteme korektotan, perfektigotan, plenigotan,... ne diskutotan, sed tuj uzotan.

La ĉiama, konstanta tendenco de la unuaj, teoriemuloj, estas forigi la (laŭ ilia juĝo) mankojn de la lingvo: nelogike formitajn vortojn, nesufiĉecon de l'vortaro, k.t.p. La progreson ili atendas de ia reganta Akademio, kiu „farus" la lingvon. Ilia metodo, volenevole, estas pli malpli a-prioria, monopolema, *aŭtokrata*. La fonton de la vivo ili serĉas en direktantaj institucioj, ekster kiuj ili vidas nur anarĥion.

La ĉiama, konstanta tendenco de la duaj, praktikemuloj, estas — neniam diskutante ĝin — enradikigi la lingvon tian, kia ĝi estas, en la ĉiutaga, komuna internacia uzado. Ĝian plenan taŭgecon ili ja konstatis kaj, ĉar por ili la problemo estas pli socia ol pure „lingvistika", ilin kontentigas tia taŭgeco. La progreson ili atendas de tiuj mem, kiuj uzas la lingvon, kaj de tiuj ĉi ili postulas nur — por eviti la antaŭviditan anarĥion — plenan sinceran respekton al la Fundamenta leĝo de la lingvo. Al ili sufiĉas, ke tute trankvile, malrapide la Akademio konstatu la naturan, regulan evoluadon kaj ĝin *kontrolu*, tial ke la tasko de la Akademio, krom sankcii, estas ankaŭ kontraŭstari al tio, kio ŝajnas al ĝi ne konforma al la spirito de la lingvo, sed eĉ tiam simple per ne akcepto, per ne oficialigo kaj ne per malpermeso aŭ kondamno. Ilia metodo estas nepre a-posteriora, liberala, *demokrata*. La fonton de la vivo ili serĉas en la esperantista popolo, konvinkite, ke ĝi estos sufiĉe saĝa kaj singarda por uzi, sed ne trouzi la necesan liberecon kaj ne pravigos per ia lingva „sabotado" la necesecon de savanta reganta povo.

.˙. Favoraj artikoloj aperis en: *Neue Zürcher Zeitung* (10 majo); *Norddeutsche Allgemeine Zeitung* (14 majo; *Berliner Börsen-Courrier* (14 majo); *Magdeburgische Zeitung* (1 junio); *Strassburger Post* (2 junio); *Neueste Nachrichten*, Chemnitz (3 junio); *Kölnische Zeitung* (5 junio); *Zürcher Post* (8 junio); *Altonaer Nachrichten* (4 junio); *Zwickauer Tageblatt u. Anzeiger, Königshütter Tageblatt* (5 junio); *Meissner Tageblatt* (5 junio); *Vogtländischer Anzeiger u. Tageblatt*, Plauen (5 junio); *Sächsische Volkszeitung*, Dresden (6 junio(; *Heilbronner General-Anzeiger* (6 junio); *Münster Anzeiger* (6 junio); *Märkische Volkszeitung*, Berlin (10 junio); *Zwickauer Tageblatt u. Anzeiger* (10 junio); *München-Augsburger Abendzeitung* (10 junio); *Norddeutsche Presse*, Bromberg (10 junio); *Lichtenberger Anzeiger* (10 junio); *Weinheimer Anzeiger* (10 junio); *Dresdener Nachrichten* (13 junio); *L'Avenir Bourguignon* (7 junio); *Le Phare Sténographique* (N-ro 6); *The Warwick Argus* (3 kaj 8 majo); *The English Mail* (22 majo); *The Westminster Gazette* (13 majo); *The Glasgow News* (15 majo); *The Queen, the Lady's Newspaper* (14 junio); *Rangoon Gazette* (22 majo); *La Gazeta del Norte*, (Bilbao) 15 majo); *A. B. C.*, Madrid (11 junio); *Narodni Obzor*, Praha (6 junio); *Kylän Lethi*, Kemi (N-roj 21, 23 kaj 24); *Bredasche Courant* (12 junio); *Kubanskij Kurjer* (4 aprilo); *Aj Kap* 28 majo).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** Frankoj

| | |
|---|---|
| Antaŭa listo | 17.375 |
| 72. Bostona Esperantista Societo | 125 |
| 73. J. Bacquet, Pihen (Pas de Calais, Franc.) | 125 |
| Frankoj | 17.625 |

Entute (ĝis la 25 junio) 73 Garantiantoj mendintaj 141 atestojn, valoro 17.625 frankoj (7050 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Aldono al la Oficiala Jarlibro.** — La Aldono al la Oficiala Jarlibro 1913 aperos ĉirkaŭ la 15 julio. Ĝi enhavos la liston de ĉiuj novaj Delegitoj, elektitaj de post la apero de la Jarlibro, la adresŝanĝojn kaj la nomaron de la novaj Esperantiaj Entreprenoj. Ĝi do estas necesa al ĉiuj personoj uzantaj la servojn de UEA aŭ dezirantaj vojaĝi dum la somera libertempo. La Aldono estos sendata afranke kontraŭ 1 internacia respondkupono.

**Afranko de leteroj.** — Ni ĉiutage ricevas nesufiĉe afrankitajn leterojn. Ni rememorigas, ke ni ne akceptas tiajn leterojn, kies ricevo postulas superpagon. Niaj korespondantoj bonvolu tralegi la poŝtan tarifon en nia Jarlibro (paĝoj 20—21). Ni speciale atentigas niajn francajn samideanojn, ke Ĝenevo estas en Svisujo, kaj ke sekve la leteroj devas esti afrankitaj je 25 ct.

**Citoj.** — Pro nerespondo al informpeto, malgraŭ alsendo de averto, estas citataj S-roj:

W. H. Case, Del. *Manila* (Ia cito).
Th. Kempe, Del. *Radebeul* (Ia cito).
Idoyaga, Del. *Montevideo* (Ia cito).
Hetzel, Del. *Philadelphia* (Ia cito).

### Novaj Delegitoj.

*Agricola* (Usono, Missouri). — D.: Mellichamp.
*Alameda* (Usono, California). — D.: S-ino Emma Rathgeb, 2258 Antonio Ave.
*Brüx* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Josef Beller, ĉe S-ro A. Rungee, Wassergasse 5.
*Fallon* (Usono, Nevada). — D.: Headley.
*Fresno* (Usono, California). — D.: Thomas L. Mc. Nece, R. D. 8, Box 3.
*Genève* (Svisujo). — D.: Edouard Mallet, Petit Lancy.
*Harrogate* (Anglujo, Yorkshire). — D.: F-ino Thorpe, 22 Grove Rd.
*Helensburgh* (Skotlando, Dumbarton). — D.: W. R. Hall, Birkfell.
*Ĥerson* (Rusujo, Chersonskaja gub.). — D.: Mikaelo Tevjaŝev, Portovoje upravlenie.
*Kidwelly* (Anglujo, Carmatonshire). — D.: E. R. Griffiths, Emlyn House.
*Kvirili* (Rusujo, Kutaisk gub.). — D: Flor. Naumenko.
*Lakeport* (Usono, California). — D.: D-ro Walter H. Fearn.
*Las Palmas* (Hispanujo, Gran Canaria). — D.: Felipe Suarez Falcon, Commandancia de Ingenieros.
*Liége* (Belgujo). — D: A. Fichzon, 49, rue Herman Reuleux.
*Logan* (Usono, Utah). — D: F. S. Harris, Agricultural College.
*Morgantown* (Usono, West-Virginia). — D.: Addison A. Clarke, Farmers and Merchants Bank.
*Remscheid* (Germanujo, Rheinprovinz). — D.: Hermann Blasberg, Nordstrasse 75.
*Rico* (Usono, Colorado). — D.: W. G. Laube.
*Rockford* (Usono, Illinois). — D.: Karl Fröding, 417/7th. street.
*Stockport* (Anglujo, Cheshire). — D.: Francois W. Shaw, Lancaster Ave. 1, Didsbury apud Manchester.
*San Diego* (Usono, California). — D.: Geo. J. Veall, 4240 Cleveland Ave.
*San Francisco* (Usono, California). — D.: H. B. Langille, 2 24 Clay street.
*Santa Rosa* (Usono, California). — D.: Guy F. Griffith, R. D. Box 74.
*Tobolsk* (Rusujo, Tobolska gub.) — D.: Paŭlo Novoselov, Pereselenĉeskoje upravlenie.
*Wechselburg* (Germanujo, Sachsen). — D.: Franz Sammer, grafa privatsekretario.
*Weisser Hirsch-Dresden* (Germanujo). — D.: F-ino Emmeline Canzler, Bismarckstr.
*Wischau* (Aŭstrio) Moravie). — D.: Franz Adametz.

### Ŝanĝoj.

*Compiègne* (Francujo). — D.: Victor Descoutures, 11, rue de corne de cerf.
*Dortmund* (Germanujo). — D.: A. Schwarz, Heiliger Weg 30.
*Horncastle* (Anglujo). — D.: Tom Gordon Briggs, Loddington House.
*Washington* (Usono). — D.: B. E. Nickles, P. O. Box 2466.

### Eksiĝoj.

*Bangkok* (D.: Andersen); *Kameny-Ribolev* (D.: Pagirev); *Northern Shan States* (D.: Moody).

# ESPERANTIAJ KARAVANOJ

## Karavano Marseille-Lyon-Bern

Okaze de l'Naŭa Kongreso en Bern, Esperantia Karavano deiros el Marseille la 21 aŭgusto (ĵaŭdo) je 11 h. 56 matene. Ĝi akceptas partoprenantojn aliurbajn kaj alilandajn en Marseille kaj en ĉiu stacidomo inter Marseille kaj Lyon; por tio necesas kaj sufiĉas, ke tiuj partoprenontoj sendu 8 tagojn antaŭe vojaĝpagon de sia kuniĝa punkto ĝis Bern kaj nepre atingu la supredifinitan vagonaron ĉe tiu punkto: oni bezonas tempon por mendi bileton multpersonan kun rabato, kaj estas tre malagrable, se karavanano alvenas post forveturo de sia vagonaro! Je 18 h. 52 ni alvenos en Lyon, kie okazos en la Esperantista Hejmo vesperfesteto intima. Vendredon, gvidate de S-ino Farges kaj S-ro Poncet, ni travizitados Lyon. Sabaton je 7 h. 5 ni forveturos por alveni al Bern je 16 h. 52: ni devos tagmanĝi envagone.

En Bern la programon konas ĉiu Esperantisto. Oni konigu ĝin al ĉiuj neesperantistoj por ke, allogite, ili partoprenu nian karavanon kaj iru admiri, meze de belega Svislando, niajn kongresfestojn, de kiuj certe varbitaj ili revenos.

Ĉiu karavanano povos reveni aparte, sed ni proponas foriri matene (lundon 1 septembro aŭ alitage) de Bern, halti en Genève por viziti la C. O. de UEA, vespere alveturi Lyon por tranokti, kaj matene... laŭvole.

Mi devas nun kelkajn detalojn konigi pri la devigaj elspezoj de Marseille ĝis Bern kaj reveno:

| | Frankoj |
|---|---|
| Vojaĝo ire kaj revene, se ni estos pli ol 12 ĉe la deirpunkto (Marseille), maksimume (3a klaso) . . . . . . . . . | 46. — |
| En Lyon (2 noktoj, 3 manĝoj, traurba veturado, pakaĵportoj, trinkmonoj) Fr. 7 + 6 + 1 + 1 + 1 . . . . . . . . | 16. — |
| Envagona manĝo . . . . . . . . . . . . . . . . . | 4. — |
| En Bern (alvena vespermanĝo, ĉambro kun 3 manĝoj de 3a klaso dum 7 tagoj, neĝmonta ekskurso, trinkmonoj, pakaĵportoj) Fr. 2 + 37.50 + 20 + 5 + 1.50 . . . . . | 66. — |
| Reveno (2 noktoj, 3 manĝoj, trinkmonoj, pakaĵportoj) Fr. 7 + 6 + 1 + 1 . . . . . . . . . . . . . . . | 15. — |
| Frankoj | 147. — |

*En Berno se oni preferos:*

| | |
|---|---|
| 1a Manĝi (po Fr. 2 meze) eksterĉambre laŭvole, la tuta elspezo povos atingi (3a klaso) . . . . . . . . . . . . . | 154.50 |
| 2a Ĉambron duaklasan, kun 3 manĝoj . . . . . . . . | 152.50 |
| „ „ „ 2 „ laŭvolaj (Fr. 2) . . | 169. — |
| 3a Ĉambron unuaklasan, kun 3 manĝoj . . . . . . . | 165. — |
| „ „ „ 2 „ eksteraj (po Fr. 2) | 179.50 |

Al tiuj elspezoj ni devos aldoni 15 frankojn por la kongreskarto kaj la kongreslibro, kaj fr. 2.50 por ricevi Jarlibron kaj membrokarton de UEA, se oni ne estas ankoraŭ Esperantiano, ĉar la karavano organiziĝos sub la aŭspicioj kaj nur por membroj de UEA.

La elspezoj ne superos entute 200 frankojn, eĉ se en Bern oni havos dumkongresan unuaklasan loĝadon.

Ĉiu kunvojaĝanto sendu kiel eble plej baldaŭ sian aliĝon, por ke mi povu peti plejan rabaton kaj ĉiun informi poste pri la ĝustaj kostoj. Ĉiu ankaŭ al mi sciigu, kiajn restadajn kondiĉojn li elektis en Bern (klaso? ĉambro kun matenmanĝo? kun tri manĝoj? k. t. p.).

Ĉiujn Del. de UEA en Hispanlando, Alĝerio, Korsikujo, Sudfrancujo, mi petas diskonigi tiun cirkuleron en la Esperantistaj rondoj kaj pere de nacilingva gazetaro al la ne-esperantistoj.

Helpon! Ni ne nur parolu sed ankaŭ ni agadu por la sukceso de nia afero. Sincerajn antaŭdankojn al ĉiuj kunpenontoj.

Kune kun la aliĝo oni bonvolu sendi fr. 15 por la kongreskarto kaj kongreslibro kaj, se oni ne ankoraŭ estas ano de UEA, fr. 2.50, plie fr. 0.50 por la sendelspezoj.

Petojn pri informoj, monon, aliĝon sendu al S-ro

*A. Giraud,* Marseille, 2, rue du Nil.

## Karavano Stuttgart-Bern

Post la Kongreso de GEA en Stuttgart, estos aranĝata komuna vojaĝo al Bern je *malaltigitaj prezoj* sub la aŭspicioj de UEA kaj GEA. La karavano forveturos el Stuttgart sabaton 23 aŭgusto je 8 h. 03 matene. En Zürich gesamideanoj akceptos la karavanon dum la duhora restado. Alveno en Bern je 6 h. vespere. La prezoj estas:

| | | |
|---|---|---|
| IIa klaso . . . . . . | 19.20 M. | (anstataŭ 22.80) |
| IIIa „ . . . . . . | 12.70 „ | „ 15.35) |

Oni sendu *jam nun* la monon al la kongresa kasejo Bankhaus Hochberger, Calwerstr. 33, Stuttgart, aŭ al S-ro P. Christaller, Neue Weinsteige 61, Stuttgart (konto n-ro 151 ĉe Ĉekbanko Esperantista). Se partoprenos sufiĉe da personoj, oni veturos per speciala vagonaro kaj la prezoj malaltiĝos ankoraŭ pli.

## Karavano London-Bern

Jen la provizora vojplano de tiu karavano, organizata sub la aŭspicioj de UEA kaj BEA. Foriro el London, 15 aŭgusto vespere. Alveno en Gent sabaton matene. Restado en Gent sabaton, dimanĉon kaj lundon. (Esperantista kongres-semajno.) Mardon 19 je 8 h. 22 foriro el Gent. Alveno en Strassburg je 7 h. vespere. Noktorestado en Strassburg; vizito de la urbo kaj foriro merkredon je 5 h. 22 vespere. Alveno en Stuttgart je 7 h. 35. (Kongreso de GEA.)

Ĉiuj personoj intencantaj partopreni estas petataj tuj skribi al S-ro H. Bolingbroke Mudie, 77 Kensington Gardens Square, London W.

# INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

## Ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto ĉe la Kongreso en Bern

La kandidatoj antaŭsciigu la Instituton, laŭ la adreso: S-ro Ed. Privat, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svis.).

### Programo

*Atesto pri kapableco*

Estas postulate, ke la kandidato bone konu la gramatikon, vortaron kaj sintakson, povu flue kaj korekte paroli la lingvon kaj sciu pri la historio kaj ĝenerala organizo de Esperantismo.

*A. Skriba ekzameno.* 1e Letero unupaĝa pri donita temo el ĉiutaga vivo; 2e unupaĝa rakonto pri esperantista temo (historia, organiza aŭ praktika). *B. Parola ekzameno.* 1e Momenta interparolado esperante pri ĝeneralaj aferoj; 2e komentario pri du tekstoj donitaj; 3e respondo al esperantaj demandoj pri gramatiko. Enskribo 5 Sm.

*Profesora Diplomo*

Estas postulate, ke la kandidato plene konu la gramatikon, sintakson kaj vortaron de la lingvo, plene konu nian literaturon (Verkaron de D-ro Zamenhof, k. t. p.) pruvu sian studadon de la historio kaj organizaĵoj de esperantismo (Kongresoj, Akademio, Universala Esperanto-Asocio, Internacia monsistemo, Interna Ideo, Paroladoj de D-ro Zamenhof, k. t. p.), konu la diversajn metodojn de esperanta instruado (parola metodo, senpera metodo, instruo por la infanoj, k. t. p.). Li devas nepre flue kaj korekte paroli por ke li povu en Esperanto taŭge komentarii ian donitan tekston, bone klarigi stilan aŭ gramatikan demandon, k. t. p.

*A. Skriba ekzameno.* 1e Skribverkaĵo pri esperantista temo; 2e skribverkaĵo pri instrua, lingva aŭ literatura temo (almenaŭ 1000 vortoj). *B. Parola ekzameno:* 1e lego kaj klarigo pri donita teksto; 2e respondo al gramatikaj demandoj (esperante); 3e interparolado pri la maniero instrui esp. 4e Leciono en esp. Modela klarigo pri gramatika aŭ stila demando. 5e Respondo al demandoj pri Historio kaj organizaĵoj de esp., vivo de la lingvo, k. t. p. Enskribo 10 Sm.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — Oni anoncas la fianĉiniĝon de F-ino Maria Rehling kun S-ro August Halbfell, estro de la Esp. grupo en Bochum.

**Edziĝo.** — S-ro W. E. Wells kun F-ino Ella Davies, fervoraj geesperantistoj el Portland (Oregon).

**Morto.** — Konsternitaj kaj kortuŝitaj, ni sciigas pri la granda malfeliĉo kiun travivis la Lodzaj gesamideanoj la 31 majo 1913. La senkompata morto forrabis de ni nian faman samcelantinon F-ino Erna Epstein, de plej nobla animo kaj milda karaktero. La mortintino, krom tio, ke ŝi finis ĉe ni la virinan gimnazion studadis ankoraŭ en Krakovo, Breslaŭ kaj München, kaj en la pasinta jaro revenis hejmen, kie bedaŭrindege ŝi renkontis la morton. Por Esperanto, F-ino Epstein laboris multege; dank'al ŝi estis kreita la „Lodza Esperanto Societo“. — S. Ŝ.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Fridrich*, Del. en Prostejov, dankas la Del. en Irkutsk, Krasnojarsk, Ufa, Batum, Ekaterinodar, Kamiŝin, Kutais, Umanj, Vladikaŭkaz, Kiŝinev, Gomel kaj Vitebsk por ilia preciza servo.

.·. S-ro *G. Meunier*, Esp-iano en St-Maurice (Seine, Franc.) kore dankas la Del. kaj Vicdel. en Firenze pro ilia kora bonakcepto.

.·. S-ro *I. H. Krestanof*, bulgara Esp-iano nun en Dijon, petas nin enpresi la jenan komunikaĵon: „Mi ne trovas pli taŭgajn vortojn por esprimi miajn plej korajn dankojn al S-ro Crébely, Del. Dôle, Pion-Muller, el Beaune, S-ro Poncet, Del. Lyon, S-ro Ploussu, Del. Grenoble, Ges-roj Martin, Del. Mâcon (neniam mi forgesos la „Villa Zamenhof", kie ĉiu Esp-iano povas dolĉe ripozi, estante ĉiam bonvenata de la afablega esp. familio), kaj al S-roj Balandra kaj Royer, en Châlon-sur-Saône, pro ilia granda afableco montrita dum mia paroladvojaĝo (pri Balkanujo kaj Balkana milito) en iliaj urboj. Vivu do UEA, dank'al kies fervoraj apostoloj mi povis ĝui tiom da bonaĵoj!"

.·. S-ro *P. Novohradsky*, Del. en Plzen, kaj prez. de Esp. Klubo, dankas tutkore al ĉiuj gesamideanoj en Reichenhall, München kaj en Nürnberg, precipe al S-roj F. Mayerhauser, Del. Reichenhall, kun lia filineto Manjo, Dürrer, H. Tressel, Del. München, Devjatnin, D-ro Orthal, Del. Nürnberg, pro iliaj afablaj akcepto, akompano kaj konsiloj dum lia vojaĝo tra Bavarujo.

.·. S-ro *I. Alvarez*, Komerca Konsulo de UEA en Liverpool, kore dankas la Del. en Valladolid, Madrid, Lisbono, Oporto, Pamplono, Zaragoza, k. t. p. kaj ĉiujn aliajn samideanojn renkontitajn en sia lasta longa vojaĝo tra Iberlando, pro la helpo kaj afablaj atentoj el ili ricevitaj, ankaŭ la Del. en Parizo, S-ron Camescasse. Nia samideano rimarkigas, ke eĉ por negocoj en lia propra naskiĝlando, Hispanujo, la helpo de niaj Del. estis al li plej utila, kaj „tio pruvas la praktikan utilecon de nia Asocio kaj de ĝiaj laboremaj reprezentantoj".

.·. S-ro *Nubasek*, Esp-iano en Plzen, tre dankas S-rojn Del. A. Berlande kaj A. Givord (Francujo), A. Turner (Anglujo), W. Prior (Svedujo) kaj Nieuwenhofen (Nederlando) pro helpo al propagando de Esp. inter la fervojistoj en Plzen (Bohemujo).

.·. S-ro *Haenen*, Del. en Boxtel (Nederlando) petas nin enpresi la jenan dankon: „Seso da holandaj fervojistoj-esperantistoj faris en la fino da Majo kvintagan peresperantan plezurvojaĝon al Hamburgo kaj Kopenhago. Ke ĉi tiu por ni tre interesa vojaĝo, fariĝis tiom ĝuoplena ekskurso, ni dankas plejgrandparte al la belegaj aranĝo kaj helpo en ĉiu rilato de la Del. en Hamburgo S-ro A. Hoffmeister kaj samaj gefunkciuloj en Kopenhago S-ro Ad. B. Hansen kaj F-ino L. Höst.

.·. S-ro *Cl. Rudert*, Del. en Crossen-Mulde, sincere dankas la Delegitojn S-rojn Pill (Odessa), Illaŝeviĉ (Kiev), Lorencson (Peterburg), Ender (Lodz), Hirszowski kaj Romanenko (Varsovio) kaj Cirilli (Larnaca) pro la donitaj valoraj informoj.

.·. S-ro *J. Kalmus*, Esp-iano en Philadelphia, kore dankas S-ron R. Hilding, Del. en Hartford (Usono) pro grava informo.

## Oni proponas!

.·. S-ro *Pŝeniekij*, Esp-iano en Wolkovisk, proponas, ke ĉiuj Esperantistaj redakcioj eldonu kunlaboranto- kaj korespondantokartojn por siaj korespondantoj „Mi kredas, ke tiaj kartoj multe utilus al siaj posedantoj, kiuj profitus la samajn privilegiojn, kiel la kunlaborantoj de ĉiuj aliaj gazetoj. La kartoj estu eldonataj en Esperanto kaj nacia lingvo."

.·. S-ro *H. Greff*, Del. en Elbing, proponas, ke „en la „Interŝanĝa Bulteno" estu sciigita inter krampoj post la urbo ĝia geografia situacio, nome super streko la meridiano, sub streko la grado de larĝeco; la gradoj oriente de Greenwich kaj norde de l'Ekvatoro estu signataj per +; tiuj okcidente de Greenwich kaj sude de l'Ekvatoro per —. Ekz. Elbing $\left[\frac{+19{,}4}{+54{,}2}\right]$ Lima $\left[\frac{-78}{-12}\right]$.

*Respondo:* Ni opinias, ke tiu signado havas nenian praktikan utilecon. La tre granda plimulto de la personoj — prave aŭ malprave — ne uzas meridianojn por koni la geografian situacion de iu loko. Multe pli utile kvankam malpli sciencoŝajne estas nomi la landon kaj provincon. *Red.*

# Alvokoj

## Ekspozicioj

Ni intencas aranĝi grandan propagandan tagon kun ekspozicio la 12 oktobro. Ĉar ni posedas nur malmulte da propagandaĵoj, mi petas la samideanojn en kiel eble plej granda nombro, sed precipe la Del. de UEA, sendi al mi belan karton el siaj urboj, (poŝtmarko bildflanke); pri kontraŭservoj mi volonte estos preta.

*Alexander Schwarz*, Del.
Dortmund (German.), Heiliger Weg 30.

Del. de UEA S-ro N. S. Riŝkov, *Kursk* (Poĉtovajastr. 41) Rusujo, kolektas materialon por esperanta ekspozicio kaj tre petas esperantistojn sendi al li ĉiujn esperantaĵojn. Ĉiu, kvankam malgrandeta donaco, estos akceptata kun kora danko.

## Esperantistaj biciklistoj

Oni klopodas nun pri la aranĝo de speciala bicikleta karavano de Parizo al Berno, okaze de la Kongreso. Por ĉiuj informoj pri tiu iniciato oni bonvolu plej baldaŭ sin turni al: S-ro Leclerc, 71, rue Monge, Paris V.

## Internacia Studenta Kongreso en Bern 1913

Krakova studenta kongreso, kvankam sukcesinta, lasis multe da laboro al venonta kongreso. Ni ja promesis al ni en Krakow pritrakti diversajn proponojn (nome pri organizado) post la kongreso en esper. gazetoj, sed ni ne efektivigis promeson. Pro tio la studenta fako de UEA kunvokas la duan subkongreson en Bern 1913 dum la Naŭa. Eble sufiĉos unu aŭ du kunvenoj, ĉar ne estos tiel multe da studentoj kiel en Krakow. Kiel en Krakow ankaŭ en Bern estos kongreseto, amika kunveno por interkonatiĝo kaj interkonsento pri gravaj aferoj studentaj, precipe organizaj. La subkongreson prezidos Universala Studenta Asocio, reprezentata per komitatano kol. Krestanof, kiu submetos al aprobo la raporton de la fakestro pri agado de studenta komisiono dum la jaro 1913. Estos necese antaŭ ĉio pritrakti „Pri maniero de propagando de USA", kaj diversajn proponojn publikigi. La komisiono sendos al la subkongreso kelkajn mallongajn referatojn, inter ili precipe pri eldono de „Internacia Studenta Gvidilo". La studenta komisiono jam ricevis bonajn paroladojn, kiuj povos esti legataj dum la subkongreso. La plej bonaj estas: Internacia organizo de la studentaro (Kol. Christaller); Universitata vivo en Usono (Kol. Klotz); Hejmoj por studentoj de superlernejoj (Kol. Litauer). Ĉar tiuj ĉi prelegoj estas sufiĉe longaj, oni parolados pri ĉi tiuj temoj nur se la ĉeestantoj estos multnombraj. Se la gestudentoj ne ĉeestos multnombre, oni aranĝos nur amikan interparoladon.

Gekolegoj, kiuj ĉeestos la naŭan, bonvolu tion afable laŭeble tuj sciigi per poŝtkarto al fakestro de USA, kol. *Joŝa Mareŝ* en *Luhaĉovice, Villa „Esperanto" (Aŭstrio-Moravio)* kaj komuniku ankaŭ, ĉu vi povus paroladi kaj temon de via respektiva parolado. Kolegoj, kiuj ne ĉeestos la kongreson, sendu al sama adreso proponojn, salutleterojn k. sim.

P. S. La redakcioj de esperantaj gazetoj estas tre petataj represi ĉi tiun gravan alvokon!

*Joza Mareŝ*,
fakestro de *Universala Studenta Asocio*,
sekretario-kasisto de Corda Fratres.

## Piedmarŝanto ĉirkaŭ la terglobo

S-ro J. B. Doby, el Kingwilliamstown (Kaplando) estante en Durban'o, vizitis min por demandi pri Esperanto, kaj post klarigado mi varbis lin. Li forveturis la 19 februaro, kaj mi hodiaŭ legas ke li forveturis el Johannesburg'o la 14 majo, ironta Mafeking'on

kaj poste al Buluwayo (Rhodesia). De tie li iros rekte al Egiptujo, en kiu lando li sendube renkontos samideanojn. Kompreneble mi skribis al ĉiuj apudaj samideanoj, kies adresojn mi havas, sed mi dezirus alvoki ĉiun Esperantiston, kiu eble lin renkontos, skribi al mi por peti informon pri datoj de alveno.

*L. Wood*,
Sekretario de Natala Verda Stelo.

## Peto

La esperantistoj en la diversaj landoj, kiuj havas intereson por la teksindustrio, estas petataj peti modelojn k. t. p. de teksaĵoj de la grandega Firmo *Mechanische Weberei Akcia Societo, Zittau*, Weststrasse (Saksujo) kaj se eble fari mendon. La firmo interrilatas multege kun eksterlando, sed ĝis nun ne ricevis esperantan korespondaĵon.

*Rob. Pfennigwerth*
Subdel. de UEA.

## Rondirantaj ekspozicioj

La Delegito de Firenze, S-ro Scarselli, loĝanta „Viale Cialdini 24" petas ĉiujn gesamideanojn de la *tuta mondo* sendi al li, kiel eble plej baldaŭ, esperantaĵojn kaj *ilustritajn poŝtkartojn* de iliaj landoj (p. m. flanke de la bildo) por komenci en sia urbo ekspozicion, kiu poste rondiros, laŭ la peto de aliaj grupoj, en aliajn urbojn.

Li petas eĉ la eldonistojn sendi al li afrankitajn senpage 2 ekz. de iliaj eldonaĵoj. Se ili volus sendi aliajn ekz. por la vendado dum la ekspozicio, ili povos sendi ilin al *Esperanto Oficejo* (Via dei Pucci 17) kiu zorgos pri la vendado k. t. p.

### *Regularo*

Kiu sendas ekzemplerojn, eĉ duoble, ne rajtas repeti ilin de la Delegito.

Ĉiu itala grupo UEA rajtos peti la kolekton de la esperantaĵoj senditaj al unua *Itala Ekspozicio Rondiranta* en Firenze, kaj ricevi ilin post la decido de la Firenza Grupo de UEA.

Okaze de pluraj petoj oni preferos la grupon de la urbo pli grava: same oni preferos la italajn grupojn ol la alilandajn, al kiuj oni konsilas iniciati en iliaj landoj saman aferon. La deponantoj lasos al la Komitato de la ekspozicioj por la elspezoj po 25% de la prezo de vendado de siaj eldonaĵoj. La eldonistoj ekspozantaj post ĉiu ekspozicio povos revenigi al ili, je siaj propraj elspezoj, la eldonaĵojn antaŭe senditajn.

Por la ekspozicioj, post la unua, kiu okazos en Firenze, sin turni antaŭe, ĉiam al Firenza Grupo de UEA. La materialo de tiuj ekspozicioj apartenos ĉiam al Firenza grupo, kiu povos, siavole, revenigi ĝin al ĝia unua sidejo.

Karaj gesamideanoj el ĉiuj landoj, ni petegas varmege vin ĉiujn por ke tiuj rondirantaj ekspozicioj, kiujn ni komencos en nia urbo plene sukcesu dank' al viaj tre ŝatataj helpoj.

Helpu nin! se vi deziras, ke Esperanto marŝu rapide antaŭen.

*L. Scarselli (Del. de UEA)*, 24, Viala Cialdini, Firenze.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Constantin Xenis, P. M.

BERLIN-PANKOV (Germanujo). — F-ino Anna Winkler, Florastrasse 62/I, PI.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DORPAT ([Jurjev], Rusujo). — S-ro Harry Busch, gimnaziano, Uferstr. 16, kv. 3, PI. (vidaĵoj de urboj).

ECKERNFŒRDE (Germanujo, Schleswig-Holstein). — Samideanoj, kiuj ĵus finis kurson, deziras korespondadi. Ĉiam repondos. Oni sin turnu al S-ro H. Brunstamp, Delegito, Fischerstr. 12.

EDINBURGH (Skotlando). — S-ro John F. Lochhead, 41 Comely Bank Avenue, PI., L. (kun ĉiuj nacioj, escepte rusa, franca, germana, aŭstria, hungara kaj brita).

HRADEC KRALOVÉ (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro O. Sklenĉka, oficisto de la Zivnostenska banka, PI., L. (kun ĉiuj landoj).

KIEV (Rusujo). — S-ro Georgo Javorskij, Annenkovskaja 28, PI. (kun italinoj, hispaninoj, balkananoj, belgoj, svedoj, norvegoj, danoj, ekstereŭropaj kaj insulanoj), L. aŭ PK. (kun spertaj samideanoj pri religiaj kaj politikaj temoj, pri literaturo kaj arto), PM. (por kiuj sendas laŭ deziro PI., monerojn).

LEHE-BREMERHAVEN (Germanujo, Hannover). — S-ro H. Schwandt, Meidestr. 29, PI., bfl.

LOSONC (Hungarujo). — S-ro Lassovszky Karoly, Jokai-strato 26, PI.

MATOSINHOS (Portugalujo). — F-ino D. Maria Leonora Allen do Santo, Alameda Passos Manoel, PI. (kolorigitajn), bfl.

MNIHOVO HRADIŜTE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Fr. Medek, poŝta aspiranto, PM., PI. (kun ekstereŭropanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Mikaelo Aleksandrov, Rusa Komerca kaj Industria Banko (nur esperantajn ĉiulingvajn sigelmarkojn).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Voldemaro Koĥ, Presnja, Fabrika Proĥorova, PM., PI., bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Aleksandro Ŝĉastnev, Gruzini, Trindinskij per. 18, kv. 12.

OLOMUC (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Vaclav Vosatka, asistanto de l'drogejo Horni, nam. 12 (kun fraŭlinoj).

OOSTERHOUT APUD BREDA (Nederlando). — F-ino Anna Looymans, Heuvel, PI.

PHILADELPHIA, XXXI st. (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2157 E. Cumberland st. (kun studentoj de nenormala psikologio kaj psikoterapeŭtiko).

PORTO (Portugalujo). — S-ro J. A. Proença, Rua do Rosario 215, PI. (kolorigitajn kaj kostumojn), bfl.

PRAHA-STRAŜNICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Straka, PK., PI., PM., L.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

SIEGMAR (Germanujo, Saksujo). — S-ro Otto Türk, PI., bfl. (nur kun eksterlandanoj).

TRONDHJEM (Norvegujo). — S-ro Ragnv. Rian, Gamle Kongevei 18, PI.

VEGHEL (Nederlando). — F-ino Francisca van Thiel, Stationstraat, PI.

VJERNIJ (Azia Rusujo, Semireĉenskoj obl.) — S-ro J. Fedorov, Kaznaĉejskaja ul., dom Penjkovskoj.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

WISLA (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Pilch, PI., L.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, PI., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

monhavon. Oni skribu sinceran leteron kun preciza adreso al la redakcio de „Esperanto“ sub E. S. 1. Aldonita fotografaĵo estas resendota en okazo de nekonveno.

FOTOGRAFANTOJ. — Ĉiuj fotograf-amantoj, kiuj deziras interŝanĝadi per fotografkartoj sin adresu al S-ro N. Ullar, str. Estrella 65, Sabadell, Hispanujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

RIMEDOJ por la konscia regulado de la infannombro. Por 10 sd. aŭ unu respondkupono tiu ĉi broŝureto estas senpage alsendata de D-ro J. Rutgers, Verhulststraat 9, Hago, Nederlando.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO